*Dua periodo* **OKA JARO** *N-ro 1. 1938.*

# Literatura Mondo

**EL LA ENHAVO:**

**Ernő Szép: Bilardo ♣ Lu Sin: Morgaŭ ♣ Frank van Waes: Lia unua longa pantalono ♣ Alex Kay: Japaneskoj ♣ Poemoj de Betti Alver ♣ Observo**




Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-strato 38.

# EŬROPO HODIAŬ



similas al vulkano. Oni neniam scias, kiam ĝi erupcios. Tion sentas ankaŭ nia entrepreno, kiam ni vidas, ke niaj fidelaj abonantoj hezitas sendi sian abonon al Mez-Eŭropo, kie la situacio estas necerta kaj ŝancela. Unu post alia ni ricevas demandojn, ĉu ni ne timas la sekvon saman, kia trafis nian movadon en Aŭstrio? Ni devas diri, ke ne. La situacio en Hungarujo ne estas simila al tiu de Aŭstrio postmilita. Ni, hungaroj fidas plene en la prudento de la registaro, kiu scias bone, kiaj teruraj konsekvencoj trafus nian malfeliĉan landon, se ĝi sekvus ekzemplojn najbarajn. Neniam ni okupiĝas pri taga politiko, sed nun ni opinias necese konatigi al niaj legantoj la traktadojn inter Hungarujo kaj la najbaraj landoj de la malgranda Antanto pri pli intima kunlaboro. Tiuj traktadoj daŭras kaj iliaj sukcesoj ebligos la konservon de paca, evolukapabla atmosfero en Hungarujo. Se estas en Hungarujo, kiuj tamen ne estas tiom firmaj pri la estonto de la politiko interna, estas fakte neniu, kiu timus momentan militon Mez-Eŭropan. La motivoj de tiu ĉi maltimo estas jam pli komplikaj, ol ke ni povu tion publikigi en tiu ĉi simpla informa artikolo, sed ni plene aliĝas al tiu konvinkiĝo. Tamen, ni scias, ke en la intereso de niaj abonantoj kaj en la intereso de nia movado ni ne povas esti sufiĉe singardaj. Pro tio ni jam de post la jaro 1933 efektive estas tute aliformintaj nian entreprenon sur plene internacia bazo. Niaj kvazaŭ kunposedantoj kaj reprezentantoj en plej diversaj landoj de Eŭropo, inter ili en Nederlando, Svedujo, Svisujo, Estonio ebligas al ni transmeti nian agadcentron *en kiu ajn momento al kiu ajn taŭga lando,* se tio montriĝas necesa. Niaj presejoj nun funkcias krom en Hungarujo ankaŭ en Italujo, Jugoslavio, Latvio, Belgujo kaj ĉefe en diversreligianoj. Ni do povas garantii, ke *iu ajn subita ŝanĝo en nia ĉefa sidloko ne influos pli la agadon de nia eldonejo,* ol kaŭzi maksimume dusemajnan malfruon provizoran.

Kiel vi vidas, ni faris ĉion home eblan por ke ni seninterrompe povu labori por la progresigo de nia literaturo sendepende de iu ajn ŝanĝo Eŭropa. Estas nun la vico al niaj fidelaj klientoj, ke ili ebligu tion al ni. Se niaj klientoj ektimiĝas kaj panike retenas sian monon en la poŝo, aĉetas nek jam aperintajn librojn, nek sendas al ni siajn abonojn kutimajn kaj nepre por nia laboro necesajn, ne la Eŭropa situacio, sed ili mem paralizos la funkcion de la (fiere ni povas diri) nun plej signifa Esperanto-eldonejo, devigas ĝin al malkonstruo de ĝia organizaĵo kaj preskaŭa nuligo de ĝia agado. Se niaj klientoj fidos plu, tio ebligos ne nur seninterrompan laboron, sed eluzon de tiaj cirkonstancoj, kiuj nun estas donataj al nia eldonejo. Ni ĵus kontraktis kun grava presejo en Hongkong, kiu presos por ni librojn en la amplekso de 6000 (SESMIL) paĝoj jare. Neniam aperis entute tiom da literaturaĵoj en Esperanto dum unu jaro. Estas la vico de la fidelaj, entuziasmaj esperantistoj, ne malaltigi siajn elspezojn por Esperanto-libroj kaj per tio ebligi evoluon, ĝis nun eĉ ne supozitan.

*Ni fidas* la bonvolon kaj prudenton de la esperantistaro. Ni enmetas en tiun fidon nian monon, nian laboron, nian vivon.

*Fidu vi* la estonton de la movado mem. Jen estas nia peto.

Se ni ambaŭ fidos, ni produktos komune laborante rezultojn eĉ en la nunaj tre ĉagrenaj kaj afliktaj tempoj.

Ni montris kaj montras la rezultojn de nia fido

# Virino simpla

— Brice Hilaire —

Unuavide, Corinne Barte povis aspekti kiel la tipo mem de la moderna junulino. Tia ŝi tamen ne estis, ĉar neniam ŝi havis la ideon ŝanĝi en anglan nomon la romantikan antaŭnomon, donitan, dudekkvinjarojn antaŭe, de tre maljuna, iom frenezeta onklino. Tiu respektinda persono asertis, ke la nomo de la infanoj multe influas ilian destinon. Tamen, Corinne havis vivmanieron, kiu ŝajnus amara al junaj virinoj de 1830. Ŝi laboris de la oka matene ĝis la sesa vespere, en komerca firmo, kies vicdirektorino ŝi estis, — rango atingita post sep jaroj de sindona laboro. Kontentigis ŝin ŝia situacio; nenio mankis al ŝia vivo, ŝajnis al ŝi. Ŝi estis orfa kaj vivis sola en studio. La solaj malglataĵoj, kiujn ŝi konis, venis de la malfruoj de ŝia kudristino, de la senzorgo de ŝia loĝej-purigistino Ŝi ekkoleretis nur kontraŭ la vento, la pluvo aŭ kontraŭ la homoj, kiuj kunpuŝiĝis kun ŝi sur la strato. Ĉiuj ĉi estis aferoj, al kiuj ŝi ne povis kutimiĝi. Ŝia plej granda plezuro estis sin rigardi en la spegulo. Ŝi legis, sidante en fotelo lokita fronte al ŝia bildo, kaj levis la okulojn, kiam ŝin revigis ŝia legaĵo; tiam ŝia rigardo trafis ŝian duobl'on, kaj ŝi opiniis tiun bildon tiom ĉarma, ke ŝi observis ĝin ĉiam kun miro. Ne de vanta orgojlo naskiĝis tiu kontemplado; ŝi estis tre objektiva kaj same vol'onte rekonis la ĉarmon de la aliaj virinoj.

Neniam esprimiĝis per vortoj ŝia sentimentaleco, kaj ĝi vekiĝis same bone antaŭ bela infano, ŝtofo, juvelo aŭ pejzaĝo, kiel antaŭ la delikateco de ŝia propra maleolo.

La liberajn horojn, kiujn ŝi ne utiligis por sin rigardi en la spegulo, ŝi uzis por legi romanojn. Ŝi ne multe ŝatis la modernajn romanojn, opiniante ilin tro realismaj. Kiuj ne estis realismaj, tiuj aspektis al ŝi neverŝajnaj, — kiuj estis nek realismaj, nek neverŝajnaj, tiuj estis nekompreneblaj. Ŝi amis la aŭtorojn de la 19-a jarcento (ĉu do pravis ŝia maljuna onklino?) kaj la anglajn romanverkistojn. Dank' al ili, ŝi povis kontentigi la etan revo-soifon kiu stampas pli-malpli ĉiun virinan imagkapablon. Corinne serĉis en la libroj heroinojn al ŝi similajn. Ŝi admiris Clelia-n Conti, la portugalan monaĥinon de la »Leteroj« kaj malestimis Sinjorinon Bovary, pensante ke la viktimoj nur malofte estas inteligentaj. La virinoj, kiujn ŝi renkontis en la vivo, tedis Corinne per siaj et-mensaj plendoj aŭ per la stulta maltrankvilo de timo esti trompita. Tial Corinne havis nur unu amikinon, Zina, kiu okupiĝis pri pentrarto kaj neniam parolis pri siaj sentoj. Oni ja klaĉis, ke Zina havas amanton, sed pri tio neniu certis.

Jam kelkfoje Corinne estis svatita. Ŝi ĉiam rifuzis eĉ ne ekzamenante la faritajn proponojn, ĉar ŝi opiniis netolerebla eĉ la nuran ideon, ke nekonato povus ŝanĝi ion ajn en la ĝueginda monotoneco de ŝia vivo. De ĉiam ŝi havis negravajn manietojn, kiujn ĝenus la ĉeesto de alia persono. Ekzemple, ŝi amis dormi kun la piedoj ekster la lito; ĉiunokte ŝi vekiĝis je la dua por manĝeti kukojn. Ŝi dormis nuda, kun stranga aparato fiksita al ŝia dorso kaj ligita al ŝia talio per rozkolora rubando. Tiu jungilo, pensiganta pri paraŝutsako, tute simple estis revulsia vato, kiu devis protekti la pulmojn de Corinne kontraŭ la eblaj trablovoj venantaj el la malfermita fenestro. La junulino estis mirinde sana, sed, ĉar ŝi pasigis sian infanaĝon sur kamparo, ŝi konservis la antaŭjuĝon, ke Parizo igas la homojn tuberku'ozaj.

Corinne neniam havis sentimentalan vivon. Se ĝis tiam ŝi malinklinis al edziniĝo, ŝi tamen ne volis sian tutan vivon pasigi ignorante la fizikan amon. Teorie ŝi tre bone imagis, kio povas esti la amo. Nenion novan instruis al ŝi la realo, kiam ŝi renkontis Marc.

Ne volante ligiĝi kaj timante komplikaĵojn, kiuj implikus ŝian karan liberecon, ŝi multfoje antaŭe flirtis kun nekonatoj, sed neniu plaĉis al ŝi. Kelkaj minutoj sufiĉis taksi la edukitecon de la renkontitaj viroj: unu parolis kun cigaredo sur la lipoj; alia eĉ ne provis plej etan geston por levi la mansakon, kiun ŝi faligis; alia, fine, kun kiu ŝi konsentis te-trinki, peze sidiĝis, kiam ŝi ankoraŭ staris. Corinne pensis, ke tiuj manieroj pruvas seneduku'on. Pri tio ŝi parolis kun Zina, kiu asertis, ke tiuj detaloj tute ne havas signifon, ke tiuj viroj estas el malsupera situacio aŭ ricevis neglektatan edukon.

Dimanĉe Corinne promenis en Luxembourg-parko. Dum iaj someraj tagoj la ĝardeno estis preskaŭ senhoma kaj retrovis la ĉarmon, kiu ĝin probable stampis en la pasinta jarcento, antaŭ la aŭtomobiloj.

Tie, antaŭ Corinne aperis Romeo, kun sia aminda faŭko de grifono feliĉa kaj vila. Corinne amegis la bestojn. Malgraŭ la delikateco de sia robo el brodita muslino, ŝi prenis la hundon sur siajn genuojn. Ĝia posedanto siavice aperis: li estis juna kaj ĝentilaspekta.

Oni scias, kio rezultas el la renkontiĝo de viro juna kun virino bela, en ĝardeno, kies foliaroj verŝas konfidencan ombron. Unu fojon pli, la flustrado de susuraj bruetoj, la tepideco de somera posttagmezo, pro sia jarmila sorĉo, kuntrenis du estulojn kiel eble malplej preparitajn por sentimentala aventuro. Ili admirinde harmoniiĝis. Corinne estis si'entema, Marc estis malparolema. Ili ne provis koni alion ol kiun ĉiu el ili konsentis esprimi. Marc diris al Corinne nur, ke ŝi estas bela, kiel la perfekto. Kaj oni ne scias precize, el kio konsistas la perfekto, nek kial oni ĝin amas.

La am-interri'atoj estus daŭrintaj longan tempon, se ne ekzistus la »Métro« (urba subtera fervojo). Por iri al la florplena kaj komforta amejo, necesis, ke ŝi pasigu longan horduonon en tiu fervojo. Tio kaŭzis al ŝi kapmalsanon dum la irado, naŭzojn dum la reirado. Foje, ĉar pluvis, ŝi telefonis al Marc, ke ŝi ne venos al li. Por la unua fojo, ŝia amanto ŝajnis emociita; li petis pri la kialo de tiom subita decido. La juna virino ne kuraĝis diri la veran pretekston de sia laceco. Ŝi do alkroĉis la parolilon sen atendi la finon de lia frazo. Tiu disiĝo tute ne tuŝis la serenecon de Corinne. Ĝi lasis nenian memoraĵon en ŝia karno, nenian postsignon en ŝia spirito. Kiam ŝi provis reimagi la vizaĝon de Marc, ŝia memoro penis rekonstrui la trajtojn, kiujn ŝi tamen atente ekzamenis, kun same tiom da atento, kun kiom ŝi rigardus sin mem en la spegulo. La nura impreso, kiu restis neta, estis lia voĉo, kiu donis sencon al ĉiu vorto: »Vi plaĉas al mi... Vi estas bela... Almenaŭ *vi* ne provas klarigi vian karakteron... Mi volus konservi vin longe.« Jen estis ĉarmaj vortoj, certe, sed kial Marc loĝis tiom malproksime?

Corinne ne sciis, kia intenco puŝis ŝin rakonti al Zina la aferon de sia amrilato; cetere ŝi rakontis nur malmulte, eĉ ne menciante la nomon de Marc. »Ĉu vi kredas, ŝi diris, mia sola bedaŭro estas, ke

# Poemoj de Betti Alver

*El la estona: Hilda Dresen*

### Aŭtuno

Gardeno flavas jam kaj piramide
sur mato fruktoj tro maturaj altas.
Sur pavilona sojlo malrapide
virin' en vest' arĝentumita haltas.

La man', ŝovanta harojn for de l' frunto,
bruneta estas kvazaŭ nuksoŝelo,
kaj ŝajnas, ke kutimis ŝi ĝis fundo
vivsukojn trinki sub tropik-ĉielo.

Ŝi staras kaj aŭskultas: el aero
signale kvazaŭ sonas birda kri'.
Ŝi sentas, post la varmo de l' somero

ankoraŭ sango ardas pro pasi',
sed koron jam ekkaptas antaŭsento
pri paco granda kaj pri neĝ-silento.

### Dimanĉinfano

Al aliaj buboj oni batojn donis,
li, sunknabo, patron sian eĉ ne konis.

Aliul' faligis panon kun buter',
dum de lia pano falis nur saler'.

Aliuloj studis, tute ne ripozis,
li jam de l' fruaĝo pordojn hok-malŝlosis.

Aliulon trafis ŝton' aŭ matenŝuo,
sed sur lin falegis monskatol' kun bruo.

Aliul' enuis pro fidel' ĉiama,
lin, sunknabon, trompis junulino flama.

Aliul' obee vivis sen akiro,
li havigis, kion volis, per tranĉilo.

Aliul' malsanis, tedis kuŝ' enlita,
li dum tag' dimanĉa estis pendigita.

### La poezio en ekzilo

Se aĉajn vinojn la popolo ŝatas,
dum koten falas suko perle bri'a,
kaj poezion la popol' degradas
al cindrulina rolo plej humila,

foriras la poeto sen riproĉo
el la ebria negocista rondo,
por sola ĉe l' altar' per pia voĉo
adori lumon for de l' naŭza mondo.

Samkiel kri' kolera de infano,
kaptante vane or-radion sunan,
insultoj de l' popolo kaj rikano
al li ne ŝanĝos la irison luman.

Li scias, tiu bando nun rilatas
al ĉiu bel' eterna malfavore, —
per or-donacoj iam ĝi persvados
la poezion kaj ĝin serĉos plore.

### Demono de la libero

Nin jesado humila ne logas:
la neeblon ni voli arogas,
vi — la gvidanto, sekvas mi vin
dum vagad' tra marĉo kaj ŝlim'.

Kial bataloj negravaj altiru,
ĉiam admonas vi min: preteriru!
Polvo ŝajnas deziroj kaj am',
kiam tuŝas min via man'.

Venki vin povas nenia forto,
kvankam turmentis vin oni ĝis morto,
kaj malbenita de di' via kred'.

Vin la piuloj kun tim' evitas,
sed vin kun fid' kaj sopir' vizitas
la herezul' kaj fiera asket'.

---

mi ne plu vidos Romeon, tiun belegan hundon, kiu min vere amis.«

Zina ma'se:eniĝis. Ŝia nigra ha:tufo falis sur ŝiajn okulojn. Ŝi mordetis la ungon de sia polekso, volis paroli, poste denove pripensis. Fine ŝi elvortigis:

— Kio estas lia nomo?

— Marc Reves.

Fulmo falanta ĉe la piedoj de Corinne ŝin ne pli surprizus ol la blasfemo, kiu ĵetis Zina. Ŝi balbutis, hurlis, ŝin ĵetis sur sian sofon, kies kusenojn ŝi mordis, poste leviĝis por marŝi tienreen tordante siajn piedojn sur siaj altaj kalkanumoj. Corinne, mireganta, estis ŝokita de la maldececo de tiu malespero. La nomo prononcita alprenis la valoron de malbonfara sorĉaĵo. Ŝi bedaŭris ĝian eldiron.

— Nu, Zina, kio estas?

— Kio estas? Jen tiu viro estas mia amanto de kvin jaroj, jen mi amas lin pli ol mian vivon, jen mi mortigos min antaŭe, jen mi mortigos lin poste.

Kun senkompata kaj malvarma logiko Corinne pensis, ke la kolero ja estas frenezaĵo. Se Zina sin mem unue mortigos, certe estos malfacile fari poste alian geston. Estas la Amo, kiu kaŭzas tiajn sensencaĵojn. Ŝi gratulis sin, ke ŝi eskapis de ĝi, kiel de danĝera infekta malsano. Sia propra vakcino estis ŝia alta opinio pri si kaj ŝia malfido pri la aliaj.

— Zina, kara, estis nur hazardo...

Zina rigardis ŝin kiel furio.

— Hazardo? Estas granda malfeliĉo, kredeble tion vi intencis esprimi! Vi ŝte'is de mi, kion mi havis plej karan, ĉu hazardo?

— Sed, Zina, mi ne sciis!

Jen, ĉi-foje la sagaco de Corinne estis breĉita. Ĉiam ŝi klopodis eviti la amikecon de la virinoj, sciante ke plej multaj el ili, ĉe sia unua seniluziiĝo, kulpigas siajn similulinojn pro sia malfeliĉo. Nenio, ofte, estas pli malbonfara ol trompita virino. Maloftaj estas la grandaj animoj inter la malforta sekso, same kiel inter la alia, kaj la virina malico, subtila kaj kruela, estas la akra kaj longdaŭra venĝo pro perfido ofte negrava. Al Corinne tiu maljustaĵo estis netolerebla. Ĉi tiu virino, la sola estaĵo posedanta ŝian tutan kon-

fidon, ŝian tutan sindonon, jen stariĝis antaŭ ŝi kiel deĉiama malamiko.

— Kiam, proksimume, vi renkontis Marc?

Corinne ekfaris geston, kiu signifis: »Mi petas, ni ne plu parolu pri tio!«, sed Zina, kun koleraj okuloj, aldonis:

— Nu, konfesu, ke la forlasito estas vi!

— Mi juras, ke mi mem decidis ne plu vidi lin. Mi lin renkontis dum julio.

— Jes, mi vidas, estis la epoko, kiam li parolis pri la supereco de la amik-sento antaŭ la am-sento. Li citis la frazon de Lacordaire: »La plej bela rekompenco, kiun Dio donis al la amo, estas la amikeco.« Ha! Ha! bela tromp-vanaĵo!

Corinne sentis veran kompatemon por tiu malfeliĉulino, kiu ŝajnis vere suferi. Ŝi rimarkis, ke la buŝo de Zina, ĝenerale lumigita de blindiĝe belaj dentoj, estas maldika kaj malplaĉe desegnita; ŝian vizaĝon makulas ruĝaĵoj kaj ŝiaj okuloj palpebrumas pro la brulvundo de la larmoj.

— Aŭskultu min, Zina, mi ne sciis, ke Marc Reves estas via amato. Mi ne scias, kial mi tiel agis, ĉar mi fakte ne amis lin.

— Kiel! vi ne amis lin? diris Zina.

Kiel ĉiu virino amanta viron, ŝi pensis, ke Marc estas ĝuste la sola, kiun oni ne povas ne adori. Ŝi rigardis Corinne kun la aspekto de Granda Inkvizitoro:

— Evidente, vi estas pli bela ol mi. Sed vi havas nek koron, nek spiriton. Manekeno vi estas, beleta manekeno el vakso. Oni povas sin demandi, kie vi trovas plezuron, feliĉon.

Kaj ŝi ĵetis, kiel lastlastan riproĉon:

— Vi ne kapablas suferi! Nenio tuŝas vin!

Corinne stariĝis.

— Via doloro sensaĝigas vin, kara. Via malico min ĉagrenas. Sciu, ke mi estas danka al tiu spirit- kaj kor-manko, kiu ebligas al mi malpli stulti ol vi. Mi certe ne ŝanĝus mian lokon kontraŭ iu ajn alia, precipe ne kontraŭ la via.

Kaj Corinne eliris, fermante la pordon kun neesprimebla gracio.

Ĉi tiun nokton Corinne malbone dormis. Ŝi vekiĝis, kiel kutime, ĉirkaŭ la dua matene, sed ŝi ne emis manĝi siajn kukojn. Kvankam la vortoj de Zina ŝajnis naskitaj ja de kolero, ili restis en ŝia kapo kaj devigis ŝin fari atentan konscienc-ekzamenon: »Manekeno senkora, senspirita.« Senkora? Ĉu ŝi ne kompatas malfeliĉulojn kaj malriĉulojn? Senspirita? Ŝi legas malfacilajn verkistojn. Manekeno? Ŝi aprecas nekontasteble la distingajn manierojn. Ŝi malamas la fizikan agitadon, kaj sen pensi pri la fama verso, ŝi malamas la movojn, kiuj povas ĉifi ŝiajn orkolorajn buklojn aŭ faldon de ŝia robo. Kaj la riproĉo, ke ŝi ne kapablas suferi, estis riproĉo almenaŭ neatendebla. Ĉu ŝi do devas krei al si komplikaĵojn por fine gustumi la volupton de la larmoj? Zina ne rajtis tiel paroli. Corinne flegis sian amikinon dum grava malsano. Ŝi ofte pruntis al ŝi monsumojn, kiuj neniam revenis...

Tiuj pensoj konstituis moralan anim-tuŝon tre malagrablan. La matenkrepusko trovis Corinne ankoraŭ enabismigitan inter tumultaj pensoj. Ŝi malfruis en sia oficejo. Post kelkaj minutoj la firmestro vokis ŝin. Ŝi kredis ricevi admonon pro la malfruo. Akceptante ŝin, S-ro Buman havis tragikan rigardon. Gin Corinne tuj rimarkis. Generale ŝi evitis rigardi la vizaĝon de S-ro Buman, kiu estis tre malbela. Liaj flavaj okuloj, liaj pufaj vangoj ŝin malagrable impresis. S-ro Buman kredis, ke nur pro timemo kaj respekto lia vic-direktorino evitas lian rigardon.

— Fraŭlino, li diris kun ĉagrenita voĉo, mi kiom eble plej prokrastis alpreni decidon, al kiu mi alvenis nur malvolonte. Vi scias, kiom la afer-cifero de la firmo malkreskis dum la lastaj monatoj.

Corinne kapjesis kaj eltenis, ĉi-foje, la rigardon de Buman. Ŝia miro estis pli forta ol ŝia abomeno.

— Vi estis ŝatinda kunlaborantino, li aldonis, sed, plej malgraŭvole, mi estas devigata senigi min de vi. Mi pagos al vi tri monatojn de via salajro kaj vi havos la plej bonan ateston. Vi estas laborema, juna, kaj vi certe trovos facile alian laboron.

Corinne staris muta pro miro. Ĉio okazinta de hieraŭ faris al ŝi kapturnon kiel kataklismo.

Ekde morgaŭ vi estos libera, li diris plu, hodiaŭ vi vidos la svedan reprezentanton de »Co and Co«. Vi traktis kun li lastan jaron. Nun, ni ne plu povas mendi.

S-ro Buman kondukis Corinne ĝis la pordo. Li varme premis ŝian manon.

— Kun ĉiuj viaj kvalitoj, kaj saĝa, kia vi estas, vi facile edziniĝos. Kredu al mi, por virino la edzinstato estas la sola ebla kariero. Ĉu mi povas konfidenci ion? Se mi estus libera, jam de longe mi estus petinta vin iĝi mia edzino...

Corinne salt-rektiĝis. Tiun simplan frazon S-ro Buman prononcis kun la akcento de certaĵo. Nu do! Ĉar ŝi estis lia subulino, obeema, ĉi malbelega maljunulo rigardis kiel honorigon diri al ŝi sian nerealigeblan revon. La vanteco de la malbelaj viroj estas vere nemezurebla, ŝi pensis. Sed tro multe da aferoj kirliĝis en ŝia kapo, por ke ŝi daŭrigu siajn prikonsiderojn pri la manieroj de S-ro Buman. Ŝi melankolie reiris sian oficejon. Ŝi estis korligita al tiu loko, kie ŝi pasigis la plej grandan parton de sia vivo.

Ĉiujare ŝi rekovris la kusenojn de sia fotelo. La kupra inkujo brilis, dank'al ŝiaj atentaj zorgoj. Sur la muro pendis kelkaj bildoj apartenantaj al ŝi. Ŝi devos forpreni ilin. Ĉu ne estas eble kredi al io daŭra



*Picasso*

en la vivo? Ĉi tie, resume, ŝi malmulton havis por fari; kelkajn tajpendajn leterojn, kelkajn ricevendajn reprezentantojn. En kio konsistos ŝia nova laboro? Kiajn tedaĵojn, kiajn mikspersonojn ŝi devos toleri?

Subite ŝi ekpensis pri Eric Hasquist, la sveda reprezentanto, kiu atendis en la apuda ĉambro. Ŝi bone lin konis. La antaŭan jaron li tre enamiĝis al ŝi. Ŝi eĉ konsentis kun li vespermanĝi. Ŝi nomis lin Vergilio, ĉar li ĉiam parolis pri siaj arbaregoj.

Eric eniris la oficejon, kun sia alta talio, siaj buklaj haroj, kaj sia hela surtuto, kiu duobligis lian atletan staturon. Premante ŝian manon, li ekkriis:

— Ĉu bone, vi, malgraŭ la bankroto?

— Kia bankroto?

— Ĉu oni ne diris al vi, ke Buman bankrotis?

— Ne: mi scias nur, ke oni min maldungas.

— Kiom ĝoje! Vi estas nun libera por min edzigi.

— Ne diru stultaĵojn. Jam estas sufiĉe dolore por mi troviĝi en tia situacio.

Eric gravmieniĝis. Li tordetis sian ĉapelon en siaj grandaj manoj de blonda koloso.

— Mi sciis, ke mi havas nenion por fari ĉi tie. Ne por mendoj mi venis. Mi libertempas en Parizo kaj Parizon mi elektis por vin revidi. Mi tiom timis ne retrovi vin!

— La amo estas tre persista en via lando, Vergilio.

— Jes, en mia lando konvenaj viroj amas virinon dum sia tuta vivo.

Corinne duone ŝultrolevis. Post la okazaĵoj de tiu tago la propono de Eric estis al ŝi agrabla. En la daŭro de dudek-kvar horoj, la vivo senigis ŝin de ĉio, sur kio staris ŝia netuŝebla sereneco. Sen sia akso, kiu igis ŝin forta kaj indiferenta, ŝi sentis sin sendirekta. Ŝi perdis sian laboron, kvazaŭ sian panon. Ŝi perdis la amikecon de Zina, necesan por ŝia morala sano. Sur kio, sur kiu ŝi nun apogu sin? De kelkaj horoj ŝi denove apartenis al la sekso materie malsupera. Ŝi reiĝis virino. De sia infanaĝo ŝi volis neniam plori antaŭ ĉeestanto. Ŝi metis la kapon sur siajn brakojn kaj freneze plorsingultis. Tio estis la unua pruvo de konfido, kiun ŝi donis al Eric, sen ke li tion eĉ suspektus. Li volis ŝin konsoli kaj parolis svede kun granda vortflueco.

Corinne levis sian larman vizaĝon kaj diris:

— Lasu min, amiko. Ĉu mi vidos vin morgaŭ?

— Bone, diris Eric obeeme. Jen mia telefonnumero.

*

Corinne reiris hejmen piede. Ekplaĉis al ŝi sia malĝojo kaj ŝi ekopiniis ĝin interesa. La ĉirkaŭaj bruoj fandiĝis en rumoron, kiu zumis ĉe ŝiaj oreloj. Kaptis ŝin ia fatalisma rezignacio. La Sorto volas konfuzegi ŝian vivon, nu, ŝi decidis sin allasi pasive, ĉar ŝia volo ne kapablis decidi ion ajn. Ŝi estis virino, kaj pensis pli pri la kolero de Zina ol pri la nefirmeco de sia situacio. Ŝi pensis: Estas en Parizo eble centmil viroj, kiuj provas loki sian amon, kaj ĝuste tiun mi renkontis, kiun amas Zina. Sed ne mi respondecas pri tiu koincido. Ha! ne plu pensi pri ĉiuj ĉi aferoj. Mi volus, ke ĉio estu nur sonĝo. Estas ja vere, ke la katastrofoj sekvas unu la alian... Ĉu ankaŭ la eniron de Eric en mian vivon mi devas rigardi katastrofo?«

Ŝia koro estis peza. En la vitroj de la magazenoj ŝi vidis sian longan kaj delikatan silueton kliniĝantan antaŭen. Trudiĝis al ŝia spirito la literatura bildo de la kano en la ŝtormo. Grandan kompaton ŝi eksentis por si.

Hejme, ŝi trovis pneŭmatik-leteron. Estis la skribo de Zina. La eta, blupapera rektangulo heligis la malserenigitan horizonton: »Conny kara, pardonu al mi. Por pruvi vian amikecon, venu hejmen ĉi-vespere kiel kutime. Zina.«

Kiel kutime, Corinne zorgatentis sian tualeton kaj sian ŝminkon; kiel kutime, antaŭ ol foriri, ŝi ridetis al sia spegulo, konstatante, ke ŝia aspekto estas perfekte sukcesa.

*

La vesperajn festojn de Zina ĉeestis ĉiam dekkvino da personoj: kelkaj literaturistoj, amatoraj artistoj, kaj aliaj, kies nomojn ne sciis Corinne. La viroj venis kun sia amatino, malmultaj kun sia edzino. Tio kredeble klarigas la bruplenan atmosferon de la salono, kie ĉiu ridis eldirante frazojn, kiuj estus certe ŝokintaj Rabelais.

Oni ludis blind-palpi, pork-salti. Kiam anhelis la spiroj, raŭkiĝis la ridoj, tiam oni sidiĝis kaj klaĉis. La hazardo de la konversacio enkondukis nomon, pri kiu naskiĝis polemiko. Corinne estis la sola, kiu trovis por la neĉeestanta viktimo kompatan vorton, kio famigis ŝin bonkora.

Ĉi tiun vesperon, la festo estis morna. Zina, kiu ĝenerale estis la animo de tiuj kunvenoj, restis sidanta, premita kaj malfermis la buŝon nur por malafabla vorto. Ŝi nomis Paul Martin, la recenziston, »aĉa hieno« kaj diris al Corinne, ke ŝi similas al »Penelope post la reveno de Uliso«. La invititoj ŝajnis surprizitaj kaj foriris pli frue ol kutime. Zina retenis Corinne.

— Mi devas rakonti ĉion, kio okazis, mia kara. Mi havis kun Marc draman interparolon. Vin nomante mi lin paligis. Ĉu vi scias, kion li tuj respondis?

— Ne.

— Mi volas retrovi tiun virinon. Mi petas vin, donu al mi ŝian adreson.

— Mi esperas, ke vi tion ne faris.

— Dankon, Corinne. Mi tion esperis de vi. Vi komprenas, se li ne retrovos vin, li forgesos vin, kaj mi povos lin rekonkeri.

— Li ne retrovos min, Zina.

Zina premis ŝin en siajn brakojn kun nekutima ardo. Vespere, Corinne ankoraŭ malfacile ekdormis: »Kaj se ankaŭ mi amus tiun Marc, ŝi pensis, kion mi farus? Ĉu por plaĉi al la amikeco, mi oferus la amon?«

Ŝi restis perpleksa. Ŝi mordetis siajn kukojn, kiujn ŝi trovis sengustaj.

*

La morgaŭan tagon, Corinne telefonis al la svedo. Ili iris por vespermanĝi en Montmartre. Dum la manĝo, Eric senĉese parolis pri sia intenco foriri kun Corinne. Li forlasos la firmon, kiun li reprezentas; li havas sufiĉe da mono por vivi en sia kara arbarego. Tiu viro juna kaj sana plaĉis al Corinne. Unu nura sperto sufiĉis kaj ŝi estis naŭzita de la malfacilaĵoj de sia vivo de libera virino. Konfidi sin al tiuj fortikaj brakoj estis penso, kiu ŝin mol̂igis. Se Eric persistos en sia ideo ŝin edzinigi, ŝi edziniĝos al li. Ŝi lasos sin konduki — tio estos tre dolĉa, finfine.

Eric montris fotojn; la patrino, eta maljunulino kun blankaj haroj, sidanta antaŭ domo neriĉa, sed plaĉa. La du grandaj hundoj, kiuj siajn langojn elmetis. La du onkloj Olaf kaj Ivan, vidvoj. Ankaŭ ili vivas en la dometo. Unu havas bonan oficirpension,

# Japaneskoj

*— Alex Kay —*

**Serenado**

Trilon de grilo
Sur kampo, en mallumo
De l' somer-nokto,
Akordoj akompanas
De fajna fojn-parfumo.

**La senhonta rozo**

La rozburĝono
Petalon post petalo
Malfermas nokte.
Jam nudas! Ve, se venos
Maten', estos skandalo!

**Revo**

La vagabondo
En la vesper' serena,
Verŝiĝi lasas
L' arĝenton de la luno
Al sia poŝ' malplena.

**Aŭgusta nokto**

La steloj pluvas
Kaj pluvas kun persisto.
En mia koro
Pro l' stela pluv' elĝermas
La fru-aŭtuna tristo.

**Gruoj**

En triangulo
La gruoj grege iras.
Liter' giganta!
Mi volus VO prononci,
Sed VE mi elsuspiras.

**Prujno**

Kia teruro
Fantomis tra l' arbaro,
Ke pro l' hororo
Al ĝi dum unu nokto
Griziĝis ĉiu haro?

**Disĉiplo**

Someran riĉon
Aŭtuna frost' ekstermis.
Krei kaj murdi,
Ho vi Natur' kruela,
La Homo de vi lernis!

**Viktimo**

Printempo milda
Donacas floraromon,
Verdon kaj gajon;
Tamen, kruele murdas
La povran neĝo-homon.

---

kaj li skulptas virgulinojn kaj diinojn el ligno.

Corinne tremetis de plezuro kaj angoro. Ĉiuj ĉi nekonatoj do ĉirkaŭos ŝin. Ja ŝi devos treege klopodi por oferi siajn manietojn. Bezonon pri soleco, pri silento, la naivan manĝeton je la dua matene. Aliflanke, ne plu trakuri la labor-ofertejojn, ne plu senti sin en la granda dezerto de la urbego. Eric paroladis, sen zorgo, ĉu li estas aŭdata.

— Ĉu vi scias, mi havas monon por fari vin feliĉa: Ĉu vi amas rajdi?

— Ne.

— Kion vi amas?

— Esti tre trankvila kun libro, kun laboraĵo. Mi amas ankaŭ manĝi kukojn antaŭ ol ekdormi.

Eric radiis de ĝojo:

— Kukoj! Mi amegas ilin. Mia patrino konas eksterordinarajn ,receptojn por kukoj. Sciu, ŝi estis ĉagrenita, ke mi amas Parizaninon. Sed ŝi faras ĉion, kion mi volas. Kiel ĉiuj patrinoj, ĉu ne?

Corinne kondukis Eric al sia hejmo. Fotojn ankaŭ ŝi montris. Ĉiuj ĉi bildoj reprezentis personojn de la familio mortintajn jam de longe. La albumon Corinne prezentis, ĉar ŝia instinkto jam diktis, kio plezurigos Eric. Li estis simpla kiel infano, kaj ĝuste tion ŝi amis en li. Ŝi ne volis pensi pri la pasintaĵoj. Ŝi timis la bedaŭrojn, kiujn kelkfoje alportas la memoraĵoj. Tial ŝi obstine fiksis la okulojn al la nuna minuto.

— Kiu estas tiu sinjorino kun la komika ĉapelo? demandis Eric, sidante ĉe la piedoj de Corinne.

— Onklino Amelia, kiu donis al mi la nomon Corinne. Ĉu ĝi ne estas ridinda?

— La ĉapelo de via onklino? Ho! jes.

— Ne, pri mia nomo mi parolis.

— Ne, mia bela, ĉio en vi estas bona, eĉ via nomo.

Eric parolis ĉiam pri siaj arbaregoj, malmulte pri sia amo. Sed lia rigardo estis profunda, kiam ĝi fiksiĝis sur la junulino. La tempo pasis, plena de l' fantomoj de la fotoalbumo, kaj unu post la alia la projektoj, fantomoj ankoraŭ pli malpezaj, plenigis la silenton. Senpripense, Corinne prenis testudŝelan kombilon kaj tenere kombis la palajn harojn de Eric. Ŝi ilin bukligis sur sia fingro, pensante ke ili havas platenajn rebrilojn. Ŝi vivis minutojn sendifektajn kaj rarajn. Neniam ŝia sereneco atingis tian gradon.

La kriaĉa sonorilo de l' telefono rompis la ĉastecon de ĉi tiu momento. La senforta voĉo de Zina aŭdiĝis ĉe la alia fino de la drato:

— Senkulpigu min, kara, ke mi ĝenas vin en tiu ĉi horo. Min malhelpas dormi terura sonĝo. Mi sonĝis, ke vi estas apud Marc, kaj mi volis certiĝi, ke ĝi estas nur inkubsonĝo. Mi petas vin, Corinne, juru al mi, ke vi neniam lin plu vidos.

Corinne ekkoleris. Ŝi sentis, ke ŝi iĝas kruelega. Tiu tago estis abunda je surprizoj kaj neordinaraĵoj; ŝi kriis:

— Zut, zut, zut!*

Kaj malmilde ŝi realkroĉis la aparaton. Kaj, ĉar la rigardo de Eric ŝin demandis:

— Estis eraro, daŭrigu.

(El la franca: *Roger Bernard*).

* Interjekcio, kiu esprimas koleretom pro tedo, ĉu al si mem, ĉu al alia persono.

## Noto al la Arto Poetika de Verlaine, kun aldonaj rimarkoj pri la poezio kaj la sprito

— G. Waringhien —

Jam de longa tempo mi intencis traduki ĉi tiun pecon de Verlaine, kaj plurfoje la okazoj memorigis al mi mian intencon: unuafoje, kiam mi legis, fronte de la poemaro, kiun N. Hohlov publikigis en 1928 sub la titolo *La Tajdo*, la faman verson cititan kiel moto:

*De la musique avant toute chose*...

duafoje, kiam en 1932, Kalocsay publikigis en nia Gvidlibro sian »Arton Poetikan«, kun moto el Th. Gautier, kaj tiu resuma unua verso:

*Jen post Horac', Boileau, Gautier, Verlaine*...

triafoje, kiam en aprilo 1936 Kalocsay (ĉiam li!) presigis en ĉi tiu revuo mem la tradukon de la »Arto« de Th. Gautier: mi opiniis efektive, ke la justeco postulas nepre la tradukon de la »Arto Poetika« de Paul Verlaine, ĉar tiuj du pecoj estas respondaj unu al la alia. Ambaŭ denuncas la altteman, larĝflugan lirismon de la romantikuloj, ĉar ili juĝas ĝin pli retorikaĵo ol pura poezio. Sed pri la pozitivaj konsiloj, ili tute opozicias inter si: Gautier volas, ke la poeto konkuru kun la pentristo aŭ la skulptisto, ke liaj versoj prezentu al la spirito bildojn tiel precize elvokivajn, kiel la marmoro aŭ la farbo — idealo de la skolo de »Arto por Arto«. La ĉefaĵo estas la teknika majstreco de la verkisto: la temo estas malpli grava ol la formo.

Kontraŭ tiu koncepto de la poezio forte reagas Verlaine: por li la idealo, kiun devas sopiri la poeto, ne estas la skulptarto nek la pentrarto, sed la muziko. La celo estas veki en la animo tutan mondon el revoj kaj sentoj per la vort-harmonio: do ĉion, kio rompus tian haluciniĝon, oni zorge evitu: elokventeco, ironio, rimakrobataĵoj (de ĉi tio Verlaine mem liveras belan ekzemplon en la sesa strofo: *son cou — jusqu'ou;* cetere oni ne miskomprenu lin; li atakas la trorafinitecon de la rimo, ne la rimon mem, kiun li ĉiam uzis, kaj ofte flegis ame).

Tiuj du pecoj, la »Arto« de Gautier kaj la »Arto Poetika« de Verlaine estas interesaj, ĉar ili prezentas, en sia konciza kaj prilaborita formo, du el la ĉefaj konceptoj, kiujn la poetoj faras al si pri la esenco de la poezio: la kontentigo de nia gusto pri la belo kaj la lulado de nia sentimentalo — la ĝojo pri la perfektaj formoj kaj la sopiro al senafektaj emocioj. Sed oni devas konsenti, ke nek unu nek la alia el tiuj »Artoj« limas la kampon de la poezio. Por ĝi certe oni ankaŭ rajtas pretendi pli ambician celon ol nuran sorĉadon de la sensoj aŭ de la sentoj; oni povas difini al ĝi la rolon esprimi la angoron de la homo antaŭ sia sorto kaj antaŭ la universo. Dante, Shakespeare kaj Hugo sufiĉas por defendi tiun alian manieron esti poeto. Sed eĉ pli modestan kaj humilan oficon la poezio povas plenumi, t. e. la rafinitan esprimon de societaj sentoj, galanteco, mokado, spritaĵo. Tiu »minora tono« ofte renkontiĝas apud la »majora« ĉe la sama poeto: Heine aŭ Musset prezentas samtempe modelojn de la plej pura emocio kaj de la plej sprita ironio. Poezio estas mondo, kaj la juĝoj pri ĝi ne estu ekskluzivaj: ĉe la domo de mia Patro estas multe da loĝejoj...

Ankoraŭ unu rimarko. En Esperanto oni tre ŝatas la spritaĵojn, sed malofte rezonas super ili, tiel ke ni malhavas ĝustajn terminojn por ilin difini; oni permesu al mi iom skolastiki pri tiu temo.

Sprito konsistas principe en la neatendita proksimigo de du fremdaj ideoj aŭ vortoj. La proksimigo de du ŝajne malproksimaj ideoj estas la plej alta grado de la sprito: sed ĝi estas tiel kaprica, instinkta, ke ĝi ne povas esti enfermita en severajn kategoriojn. Male, la vort-proksimigojn, kiujn oni kutime nomas per la ĝenerala nomo »vortludo«, oni povas facile distingi kaj klasi.

Vortludon oni povas difini »ludo pri vortoj, kiuj pli malpli similas forme, sed malsimilas signife«. Inter la vortludoj estas du kategorioj: en la unua la ludo temas pri du, inter si fremdaj, vortoj, kiujn proksimigas nur fonetika hazardo (ekz-e *kuraĝo* kaj *kur-aĝo);* en la dua ĝi temas pri unu sola vorto, kiu povas signifi du diversajn ideojn (ekz-e *ludi* = amuziĝi kaj *ludi* = uzi muzikilon). Ĉar la konstruo de Esperanto celis kiel eble plej eviti, ke unu vorto havu tro inter si diferencajn signifojn, oni tuj komprenas, ke la unua kategorio de vortludoj estos multe pli riĉa ol la dua.

## Arto poetika

— Paul Verlaine —

*Aŭskultu ĝin, Cezario*...
(Shakespeare: La Nokto de l' Tri Reĝoj, II., 4.)

Muzikon antaŭ ĉio alia!
Do la neparajn ritmojn prefere,
La pli solveble ŝvebajn aere,
Sen pez' kaj paŭzo dum flug' ilia!

Prenu, jen estas bona regulo,
Vortojn sen truda senco tro nuda:
Plej ĉarmas kanto grize aluda,
Kie najbaras klar' kun nebulo.

Jen, post vualoj, okuloj belaj,
Tagmeza vibro de l' granda suno,
Jen sur ĉielo de milda aŭtuno
La blua svarmo de l' steloj helaj!

Nuancon ni volas, jen nia normo,
Ne la Koloron, sed nur la Nuancon!
Ho la nuanco, sola alianco
De rev' al rev' kaj de flut' al korno!

Rifuĝu de la Pintum' mortiga,
De l' Sprit' kruela kaj Rid' malpura,
Pro kiuj ploras vizaĝ' Lazura —
For, tiu ajlo malnoble pika!

L' elokventecon kaptu kaj linĉu!
Prave vi dum la pen' energia
Bridos ekscesojn de l' Rim' orgia,
Se ne, ĝis kie ĝi pelos nin, ĉu?

Kiu krim-liston de l' Rimo faras?
Ĉu surda knab' aŭ negro freneza
Vin por ni forĝis, juvel' groŝpreza,
Kiu sub fajlo false misknaras?

Muzikon ĉiam, pluan kaj plian!
Vers' via estu la aĵ' flugila,
Kies anim' sopiras, ekzila,
Al land' alia, amon alian.

Vers' via estu la aventuro
Flirta en freŝa matena vento,
Kiun parfumas timian' kaj mento...
Ĉio cetera — literaturo.

El la franca: *G. Waringhien.*

En la unua kategorio ni povas distingi tri specojn:

a) la *mistranĉo* (france: *calembour*) estas vortludo bazita sur la fakto, ke tiu aŭ alia radiko identas al kunmeto de aliaj radikoj, kaj ŝajnas sekve prezenti eblon de mistranĉado. La mistranĉoj abundas en nia ŝerca literaturo. Tipa ekzemplo estas la du poemoj de R. Schwartz »Ne estas diferenco«, el kiuj jen unu strofo:

Pri lingvoj studojn faras
La moŝto profesora,
Dum lian filon logas
Knabino facilmora,
Kaj malgraŭ diverssenco
Ne estas diferenco!
(En ambaŭ okazoj estas
... Filologo!)

Unu el la termoj povas eĉ konsisti el pluraj vortoj, kiel en la vortludo, kiu fermas la lastan poemaron de Schwartz, pri »la stranga butiko« kaj »lastranga butiko«.

b) la *proksimumo* (fr. *un à-peu-près*) estas vortludo inter du radikoj aŭ kunmetoj, kiuj nur similas inter si. Jen kelkaj ekzemploj, tiritaj el la lasta »Angulo de l' humoro« de Schwartz, en la decembra no de Franca Esperantisto; (parolas David Windsor):

»Feliĉa estas la homo, kiu ne havas bopatrinon, sed milfoje pli feliĉa estas la homo, kiu ne havas bo-Baldwinon!...

Kion li rakontis al sia amata pipo?

»Li estas la reĝo, tial ĉio en li devas esti brita, funde brita; Kaj lia amo estu por ĉiam funebrita, por ke vivu Britujo!«...

Mi devos atenti, ke mi ne tro dikiĝu, ĉar jam nun mi estas abdikulo...«

c) la *sonalterno* (fr. *contrepèterie*) estas vortludo bazita sur la interŝanĝo de la komencaj aŭ finaj silaboj de du najbaraj vortoj. Jen skema ekzemplo: »pli utile estus mastri la kulojn, ol kastri la mulojn«. Nur skemon mi citas, ĉar la verajn sonalternojn oni ne povas citi en tia revuo, kiel L. M. La spico de tiu vortludo kuŝas en la kontrasto inter tute banala frazo kaj la skandala aŭ obscena senco, kiun oni ricevas per la alternigo de du sonoj.

En la dua kategorio, ni trovas du specojn:

d) la *sencoturno* baziĝas sur la fakto, ke kelkaj radikoj esprimas du diversajn ideojn, ekz-e *folio* (de arbo kaj de papero). Ordinare, la kunteksto ebligas nur unu el tiuj signifoj; sed en certaj okazoj, la kunteksto elvokas samtempe ambaŭ signifojn, kaj de tio venas la komiko. Ekzemple:

Buljonon magran, en restoracio,
Proponis al mi kun gesto-gracio
Knabin' koketa, kiu serĉis dupon.
»Kiaj okuloj!« — mia kor' sopiris,
Sed la stomako sen rimorso diris:
»Se nur ŝi ĵetus ilin en la supon!«

Ĉu vi komprenis? Jes, certe, se ankaŭ en via lingvo *okuloj* signifas ankaŭ la gras-rondetojn sur la surfaco de la buljono. Por tiuj, kiuj ne estas tiel feliĉaj, mi citas ankaŭ alian pecon, iom sensalan, sed des pli similantan al sia modelo:

La samideanoj vantas
Ĉiam gardi la Esperon,
Sed — ĝin tre false kantas...

Espereble ĉiuj scias, ke La Espero estas la titolo de nia himno.

e) la *pintumo* (itale *concetto, pensiero;* fr. *concetti; pointe;* angle *point*) estas speco de sencoturno, kiu celas ne ridigi, sed piki la atenton kaj veki admiron. Pintumojn oni trovas precipe ĉe la poetoj de la Renesanco kaj en la ama poezio; la pintumo preskaŭ ĉiam kuniĝas kun antitezo. Ekzemplojn oni trovos en la »Dekverso pri neĝo« de Cl. Marot (L. M. decembro 1935); jen unu el soneto de nekontentigita amsopiranto:

Se devas eterna atendo
Forpeli la ardon de l' sento,
La mort' estos mia destin'.

Spit' al via flat' mi suferas:
Ho Phillis, oni malesperas,
Se oni esperas sen fin'.

jen alia, metita de J. Racine en la buŝon de Pyrrhus, kiu tiamaniere kontrastigas sian amon al Andromake kun la incendio de venkitaj urboj:

Sentanta pliajn flamojn, ol kiom mi bruligis...

La pintumoj estas la plej karakteriza trajto de tiu unu kvankam diversaspekta pensmaniero, kiu regis la eŭropan literaturon je la komenco de la 17-a jarcento; la italoj nomis tiun *marinismo*, la hispanoj *gongorismo* aŭ *culteranismo*, la angloj *euphuism* kaj la francoj *préciosité*, kaj mi proponus por ĝi en nia lingvo la ĝeneralan nomon *rafinismo*. Kvankam oni nun malofte renkontas pintumojn en la poezio, la rafinismo estas ĉiam viva tendenco; tial oni pardonu al mi, ke mi provis precize nomi ĝin kaj ĝian ĉefan karakterizilon.




*Kokoschka*

# Lia unua longa pantalono*

— Frank van Waes** —

Li estis romantika knabeto dekkvinjara. Ĉiu bezonas en sia vivo ian subtenilon. Ĉiu, kiu estas ne tute feliĉa. Li, kiel dekkvinjara knabo estis ne vere feliĉa. Sed la vivo bonvole donacis al li romantikan naturon, kaj tial li rigardis multajn aferojn alie ol efektive ili estis: pli afablaj, pli belaj; kaj precipe de la estonto li multe atendis. De la estonto, kiu ja ankoraŭ ne estas, kaj kiun li povas imagi al si tiel malpeza kaj agrabla, kia li ĝin deziras. Li eble vivis iom tro en la estonto, pli almenaŭ, ol la saĝaj homoj lin edukantaj trovis bonvena. Ĉar okazis kelkfoje, ke li faris la hodiaŭajn aferojn malpli bone, ol tiuj saĝaj homoj rajtigis sin postuli de li; pro tio, ke li ree imagis ke jam ekzistas tio, kion li ankoraŭ devus fari. La justeco postulas konfesi, ke la neatenta knabo tamen havas sufiĉe da motivoj rigardi la hodiaŭon ne tro serioza kaj preferi la jaman ĝuon al ĉiu bela kaj neordinara, kion la estonto, iam en tre malproksima tempo, alportos.

Li nomiĝis Kes kaj estis lernanto en la dua klaso de intruista seminario en malgranda urbo. Li estis la plej malgranda en la klaso kaj krom tio li havis ankoraŭ ion specialan: li sola estis lernanto el laborista familio. Certe tio estis grava eraro de li, sed li ne vidis tion tia kaj verdire, li estis tute ne kulpa pri tiu terura fakto.

Komence li tion ne multe sentis. Li neniam venis ekster sian rondeton kaj la geamiketoj el lia juneco ĉiuj estis proletinfanoj, same kiel li mem. Kiam li venis en la seminarion, li senpense enviciĝis sin inter la aliajn, ne rimarkante, ke li iomete distingiĝas de tiuj per sia eluzita jaketo, per la mallonga pantalono, kiu ĉe la genuoj malbele bri'iĝis, kaj per la dube nigre brunaj ŝuoj, kiuj jure atestis, ke ili antaŭe estis portataj de knabino el pli bonhava klaso. Ĉiuj tiuj estis bagateloj, en lia medio tiel kutimaj, ke li eĉ ne lernis atenti ilin. La aliaj, kiuj jam frue lernis, ke homon prezentas la vesto, kompreneble konstatis tion, kaj mi ne povas diri, ke tio plifortigis ilian estimon al la kamaradeto. Li ankaŭ ne parolis kiel la aliaj, kaj precipe la knabinojn, kiuj preskaŭ ĉiuj venis de la »knabinlernejo«, li admiris pro la civiliza, neordinara maniero, en kiu ili eligis la sonojn, arogantece, apenaŭ kompreneblaj. Li trovis tion belega, sed li estis tro modesta kaj tro konvinkita pri sia denaska maldelikateco, por provi ilin imiti. Ja ĉio estis tiel nova kaj grava por li, ke li ne rimarkis, kiam oni mallaŭte mokridetis, se subite li uzis malriĉulkvartalan esprimon aŭ tro krudakcente parolis, aŭ ekzemple ree portis tute ne elegantan »novan« vestaĵon. Jam la vintro alproksimiĝis, kiam li klare eksentis, kiu kaj kia li estas en sia nova rondo.

Glacio kovris la akvon kaj, kvankam Kes estis malgranda, li tamen bonege regis la glitkuradon. Sur neplenhoma glacivojo li vidis knabinon el sia lernejo. Estis bela knabino kaj vestita tiel, kian li antaŭe ne konis en sia ĉiutaga ĉirkaŭaĵo. Nun li jam iomete kutimiĝis al tio, alie li neniam havus la kuraĝon sin alparoli. Ŝi tre mallerte sin movis per la glitiloj kaj tial li ŝin kompatis. Ŝi ja estis agrabla blonda knabineto kun beleta dolĉruĝa vizaĝo super la bruna peltkolumo. Kuraĝe li alkuris ŝin kaj deprenis sian ĉapon, kiel pedante oni kutimis fari en tiu urbeta Seminario.

»Ĉu ni kune glitiros?« li afable proponis kaj jam etendis la manojn por preni la ŝiajn. Ke ŝi rifuzos, li certe ne atendis. Kial ŝi ne akceptus?

Sed la knabino surprizite lin alrigardis per okuloj, kiuj tuŝis lin de la kapo ĝis la piedoj. Kaj ĉio subite ŝanĝiĝis. Kes sentis subite, preskaŭ dolore, ke lia ĉapo senkoloriĝis, kaj malpura estas ĝia rando; ke la manikoj de lia malnova jaketo, tro mallongaj, jam disfadeniĝas, ke lia genupantalono estas el malbonega ŝtofo, ke liaj ŝtrumpoj verdiĝis, tro videble riparitaj multloke. Subite li ege ruĝiĝis pro honto, kaj preskaŭ ne sciis, kien li nun devus meti siajn etenditajn manojn, kiuj ne estis akceptitaj. La kara blondulino tiris sian belan nazeton supren, kaj la ruĝaj lipetoj pintiĝis por diri gravmiene:

»Ne, dankon, Kes...«

Tiam ŝi turniĝis kaj glitaĉis for.

Kaj la romantika knabeto kun sia ruĝa vizaĝo strange mienis, larmoj ekvenis en la okuloj, kvazaŭ forta bato estus frapinta liajn orelojn. Ĝis fine granda knabo puŝis lin tiel forte, ke li falis teren.

Tiam li formetis de siaj piedoj la glitilojn kaj iris hejmen, por resti tie la pluan tagon en angulo ĉe la forno, kun libro malfermita sur la genuoj, sen turni la foliojn, kaj daŭre li pensis pri tiu knabinvizaĝo kaj hontis. Ho, li estis ege ofendita kaj se li ne estus jam seminaria lernanto, li certe estus plorinta, pro bedaŭro kaj humiligo, sed por tio, ho ve, li jam estis tro granda. Sed, vespere, en la lito, li fine trovis konsolon. Li firme intencis fariĝi grava homo, famulo, riĉa kaj tre altranga, tiel ke ĉiu alte lin estimu. Tiam li terure venĝos, pretervidante la knabinon, kvazaŭ li ne konus ŝin, kaj tiam estos ŝia vico hontegi, kaj ĉiam ŝi devos pensi pri tiu tago sur la glacio, kiam ŝi tiel ofende lin forpuŝis. Sed, kiam lia pensado venis al tiu ideo, ekregis lin lia nobla animo, kaj tuj li decidis, ne tro longe ŝin turmenti kaj tamen edziĝi al ŝi, se sincere ŝi bedaŭros sian senkorecon. Kaj jen li ekdormis ĉi tiun vesperon kiel grandanima kaj riĉa homo.

Tamen de tiu tago li ekkomprenis multajn aferojn, kiujn li antaŭe ne atentis. Li sentis sian apartan pozicion kaj ne plu kuraĝis sin miksi inter la aliajn. Li fariĝis timema kaj evitis la knabinojn. Kiam ili inter si ridetis kaj mienis, li ĉiam ruĝiĝis, timante ke la paroloj tuŝas lin, kaj pli ol iam li sentis la emon al romantika sonĝado, kiu devus forgesigi multajn piketojn kaj pli gravajn malĝentilaĵojn.

Kaj tiom plezura, kiom antaŭe, li ne plu trovis la Seminarion.

Sed jen venis la fatala tago de l' malespero. Pasis kelkaj semajnoj post la fino de la somera ferio. La pantalono de Kes estis ĝisfadene eluzita kaj la familiokunsido decidis, ke devas veni nova. La patrino ne plu vidis eblon fliki ne tro videble la truojn, kaj Kes jam ĝojis, atendante la novan vestaĵon, kiu faros lin pli respektinda lernanto de la Seminario.

* Kiam knabo forlasas lernejon aŭ estas ĉ. 16 jara, li ne plu portas genuopantalonon. En Nederlando oni tiam diras, ke li de nun portos »longan« pantalonon.

** Pseŭdonimo de A. M. Jong, nuntempe plej ŝatata nederlanda verkisto.

# Tri sonetoj

— N. Kurzens —

### Ankoraŭ nia ĝi

Al kio ni plezure povas fronti,
se nia vivo plu ne havas celon,
se l' grizan, plumbe pezan vivnivelon
ne igas vigla dezirvento ondi?

Plej akran pinton tempo igas rondi,
plej brilan klingon tegas rustoŝelo;
griziĝas jun' kaj malbeliĝas belo,
kaj plu nur morto emas nin renkonti.

Sed dum ne dronis ni en jaroŝlimo,
dum ni ne venis al la lasta limo —
ankoraŭ daŭras, daŭras ofensivo:

ankoraŭ ĝojas ni, se ĝojo venas,
ribele luktas, se nin fat' katenas —
ankoraŭ nia ĝi, la varma vivo!

1935

### Tempo pasas

Dum juno ĉiu vojo nin invitas
kaj ĉiu foro ŝajnas sin proponi.
Sur pint' plej alta ni aspiras troni,
eĉ pens' pri cedo morde nin incitas.

Sed tempo pasas. Jaroj preterglitas.
La spitan »ni« flankŝovas grasa »oni«.
Ni lernas kompromisi kaj duoni,
pruntitajn pensojn servoprete citas.

Kaj iam nur, sub sprono alkohola,
sin ŝiras el la cerb' ĥaose bola
kaj provas kapon levi pens' aŭdaca.

Sed vane ĝi alarmon gongi provas:
la korp' inerta sin jam plu ne movas —
ĝi estas laca, peze, morte laca...

1935

### La vivo estas nura bunta festo . . .

La vivo estas nura bunta festo
por tiu, kies konscienco blindas,
kiu l' okulojn rozvuale vindas
kaj ĉion prenas kun facila gesto.

Li ne rimarkas signojn de tempesto,
ne scias, ke la paradiz' pasintas.
Al lia aŭdo flata gajo tintas,
kaj li dormiĝas, kvazaŭ sata besto.

Sed kiu ĉion, ĉion vidi devas,
al la ĉiel' minace pugnojn levas
en sia senkonsola malespero,

kaj preĝas, kaj petegas kun pasio,
ke prenu lin la ĉiopova Io
for de la Ter', nur for, nur for de l' Tero!

---

Sabatvespere la gepatroj eniris la urbon kaj Kes kontente sidis ĉe sia »studangulo« de la tablo, fervore serĉante solvon por la malfacilaj, fremdaspektaj aritmetikaj enigmoj, kiujn la profesoro donis kiel taskon por lundo. Li jus finis la lastan, kiam liaj gepatroj hejmen venis. Kun signifplena gesto la patro metis pakajon, volvitan en grizbruna papero, sur la tablon.

»Ĉu la nova pantalono?« atendeme demandis Kes.

»La nova pantalono« jesis la patro gravmiene.

»Kaj kia!« konfirmis la patrino entuziasme. Kes penete malligis la ŝnuron kaj forprenis la paperon. Kun intereso la gepatroj kaj la du fratoj rigardis.

Jen ĝi aperas, la nova pantalono. Kes prenis ĝin je la supra parto kaj lasis disvolviĝi la tubojn.

Sed nun, en konsterniĝo, rigide li fiksis la okulojn al la vestaĵo. Li paliĝis kaj tremis liaj manoj.

Ĝi estis la plej stranga pantalono, kiun li iam en sia vivo vidis. Estis longa pantalono kaj la ŝtofo estis dika kaj peza. Alterne larĝaj malhelbluaj kaj violaj strioj kaj inter ili ankoraŭ grizbruna strieto. Flanke surkudrita rando, kaj ĉe la genuoj la tuboj estis pli mallarĝaj ol sube. Abomene Kes alrigardis tiun strangan monstron de pantalono kaj suprenlevis la okulojn al siaj gepatroj, kun la eta espero, ke ili ridante diros, ke tio estas nur ŝerzajo. La patro tamen kapjesis serioze kaj la patrino diris ravita:

»Belega pantalono, ĉu ne Kes?... kaj fortega!.. kaj por preskaŭ neniom da mono... aĉetita ĉe Pipers la brokantisto por nur 75 cendoj... Preskaŭ ni preteriris lin, sed, feliĉe mi ekvidis ĝin pendi!«

»Kia vi trovas ĝin?« demandis la patro kun intereso.

Kes remetis la pantalonon sur la tablon kaj etvoĉe demandis:

»Ĉu mi devas ĝin porti?«

Laŭ la tono klare evidentiĝis, ke la pantalono ne vekis en li entuziasmon. Malkontente la patro respondis:

»Kompreneble, kion alian vi volus per ĝi fari? Ĉu ĝi ne plaĉas al vi?«

»Sed estas longa pantalono!« kriis Kes kun plorvoĉo. »Kaj mi estas la plej malgranda el la klaso!«

»Malsaĝo«, decidis la patrino, »vi ja ne ĉiam povas resti en genupantalono? Vi havas dek kvin

jarojn, vi estas seminariulo, verdire vi devus ĝoji, ke vi ricevas longan pantalonon«.

»Sed estas tiaj malbelaj strioj en ĝi kaj la tuboj estas tiel strangaj!«

»Tia estas la modelo«, konsolis la patro fakule, »estas pli da tiaj pantalonoj«.

»Ankaŭ la terlaboristoj portas tiaspecajn« bonvole informis la pli maljuna frato.

»Kaj la tranĉil-akrigistoj« aldonis serioze la pli juna.

Sed la patro koleris:

»Fermu la buŝon... Ĉu vi malplaĉigos al li lian belan novan pantalonon?... Hola«, li daŭrigis al Kes, »surmetu ĝin por provi ĉu ĝi sidas konvene«.

Obee Kes prenis la pantalonon kaj iris al la kuirejo por ĝin surmeti. Kiam li revenis, li havis ruĝegan vizaĝon kaj klinis la kapon. Li havis senton, kvazaŭ la tuta pezo de la mondo lin ŝarĝus. La stranga pantalono fuŝe pendis laŭlonge de la mallongaj kruroj; dum la paŝado li sentis la ŝtofon flirti ĉirkaŭ la maleoloj, kaj li sciis sin nedireble ridinda. Sed neniu ridis. La aŭtoritato de la patro estis netuŝebla kaj, dum Kes estis en la kuirejo, li malpermesis ĉiajn stultajn ŝercaĵojn... Do la admiro estis unuanima, kaj se Kes povus kredi ilin, li devus esti ravita de la eksterordinara feliĉo posedi pantalonon, kiu akiris tian admiran laŭdon.

»Ĝi havas la ĝustan mezuron« aprobe diris la patro.

»Kvazaŭ almezurita«, admiris la patrino.

Kaj la pli maljuna frato hipokrite deklaris, ke lia nura deziro estas, iam posedi saman vestaĵon. Post tio la maljuna frato diris, ke tiaj belaj vestaĵoj ne estas destinitaj por laboristoj, sed restos konservitaj por instruistoj kaj aliaj sinjoroj... Kun vera plezuro Kes en tiu momento estus mortiginta sian tutan familion, kaj kiam lia juna frato, tiu pikemulo, ne povis kovri sian falsan karakteron kaj senkompate diris:

»Vidu, kiel ĝoja li estas!«, tiam la malfeliĉa Kes certe estus lin atakinta, se la patro ne farus tion superflua, donante al la judaso fortan vangofrapon, kiu puŝis lin flanken, plorantan. Tio iomete plibonigis la humoron de Kes, sed li tamen ne povis reteni la grandajn larmojn, kiuj gutis sur liaj vangoj. Per trema voĉo li demandis:

»Ĉu vi ne povus iom detranĉi de la pantalono, panjo?«

Sed la patrino konsternite diris:

»Ĉu de tiu ĉarma pantalono? Vi devus honti, vi pedantulo!«

Kaj la patro decide aldonis:

»Per tio vi malbonigus la bonan modelon«.

Tiel la afero estis finita kaj la verdikto konfirmita: lunde li aperos kiel la unua el ĉiuj knaboj de sia klaso en la seminario kun la longa pantalono, li, la plej malgranda... Kaj nek ĉiuj liaj grandiozaj planoj por la estonto, nek lia digno de seminariulo povis ĉi tiun fojon malhelpi, ke vespere en sia lito li longan tempon ploradu, senespere pro ĉi tiu fatalo, kiu lin malhonorigas; kaj en liaj sonĝoj lin jam turmentis la rigardoj kaj la rikanado de liaj samlernejanoj.

Lunde Kes iris al la lernejo malrapide, tre malrapide. Lia kapo kliniĝis al lia brusto. Li pli volonte mortus ol alrigardi la homojn. Li estis vere konvinkita, ke ĉiu ridetas pro lia stranga aspekto, kaj kiam subite vokis akra knaba voĉo:

»He, grandsinjoro... kie via panjo donace ricevis ĉi tiun pantaloneton?« — ekskuis tremo lian korpon kaj li kapturniĝis de mizero. Pli rapide li ekpaŝis, kaj la pantalono ridinde flirtis ĉirkaŭ la maldikaj maleoloj; li sentis la flirtadon kvazaŭ ofenda al ĉiu bongusta formo kaj li terure hontis. Ĉe la pordo de la lernejo li hezite atendis momenton. Ĉu li iam kuraĝos eniri?... Li aŭdis la gajon de multaj junaj voĉoj en la koridoro... Kiam li eniros, ĉiuj... Sed li ja devas!... Kaj subite li kuraĝe decidis eniri.

Ĉe la enirejo estis iom mallume, sed poste, ĉe la ejo de la estro, falis la plena sunbrilo tra la vitra kupolo de la plafono. Ĉie staris grupetoj da knaboj kaj knabinoj parolantaj, kun la librovalizoj en la mano... kaj tiel la mizera malgranda Kes alproksimiĝis, kun la okuloj sube, kun kapo arda kiel fajro, kaj ŝvitanta de angoro kaj ekscitego. Li sciis, ke post momento la fatalo eksplodos, kaj lia koro frapis, kvazaŭ ĝi volus elsalti el lia brusto.

Kiam li venis en la lumon, eksonis kelkaj mirkrioj kaj dum momento regis tomba silento. Kes haltis, surprizita de tiu neatendita silento, kaj time li levis humile la okulojn. Sed jen eksplodis furioza ridego, laŭta kaj ĝoja kriado, kiu sonis en la oreloj de Kes same kiel la trumpetoj de la lasta juĝo. De ĉiuj flankoj la lernantoj alpaŝis lin, ĉirkaŭis lin, forpuŝis unu la alian por povi pli bone vidi kaj ĉiuj esprimis sin en ofende mokaj vortoj, senpense kruelaj. Ni esperu, ke ili ne komprenis kiom dolorigis ilian malgrandan kamaradeton la malkuraĝa turmentado, iliaj sengustaj malspritaĵoj kaj akra ŝercado. El la ĉambroj rigardis scivolaj vizaĝoj, kaj la lernantoj, kiuj jam sidis, reiris en la koridoron, por ankaŭ ĝui la plezuron, kaj liveri sian parton en la torento da fispritaĵoj, kiuj estis verŝataj super la solecan, etan knabon, la malfor-

## Soleca skispuro

— Bertel Gripenberg —

Skispur', kiu serĉas, sola
por voj' al arbarprofund',
sinua skispuro mola
trans montojn al valofund',
sur marĉ', kie kirle muĝas
neĝvento kaj kriplas pin':
jen mia penso. Ĝi fuĝas
solece al malproksim'.

Skispuro frosta forbluas
solece en la dezert' —
homvivo, kiu forfluas
sur vojo de la necert'.
Demandojn mi portis bruste,
en foro sin kaŝis respond' —
zigzaga spur' neĝokruste:
jen mia vagad' tra mond'.

Skispuro sola... Ĝin finas
Subite roka ekmut'
kie kripla pino sin klinas
trans randon de l' nigra krut'.
Kiel froste la steloj falas,
kiel ombras la arbomur',
kiel neĝo malpeze kristalas
sur duonkovrita spur'!

El Vesperoj en Tavastland, 1911.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

tan vireton kun ties nedireble ridindega longa pantalono.

Kaj la silenta Kes staris meze de la krianta bando. Li estis pala kaj ĉiam ankoraŭ liaj okuloj fikse rigardis la plankon. Tremante en sia tuta korpo, li senmove lasis alveni la batojn de l' sorto. Li ne koleriĝis je siaj turmentuloj. Li konsciis, ke ili pravas, ĉar ĉiam la amaso pravas kontraŭ la unuopulo: ĝi estas ja pli forta. Li sciis, ke li estas malriĉa kaj ridinda kaj ke tia malbono ne estas pardonebla sur nia tero. Ne, li ne estis kolera, sed profunde ĉagrenita. Sed li ne komprenis, kial tio devas okazi ĝuste al li, kiu ja tiom bezonus bonkoran kaj amikan subtenon. Eĉ se neniu estus ridinta, li jam sentus sin sufiĉe malfeliĉa en sia idiota pantalono... nun ĝi fariĝis por li infero. Li ne aŭdis, kion oni krias kaj diras. Neniun vorton li komprenis el iliaj ŝercaĵoj. Li estis tro batita. Estis milfoje pli ege, ol kiom li atendis. La centro de la mondo li sentis sin kaj la tuta mondo mokkriis ĉirkaŭ li. Dikaj larmoj gutis de sub la okulharoj, varmigis liajn palpebrojn, kaj iris varme laŭ liaj vangoj suben. Plej volonte li estus mortinta sur la sama loko.

Tiam, super la kriado de la altaj voĉoj de la geknaboj, subite enmiksis sin pli forta sono, la voĉo de iu profesoro, la ege granda Versteg. Li tondre ridegis kaj kriis:

»Ha, la malgranda Kes, neatendite li fariĝis plenkreska... kaj kia juvelo de pantalono! Ĉu vi studas por kaldronfaristo, knabo?«

La ĝojo pliiĝis sub la nobla konsento de tiu profesoro kaj jen en tiu momento unue li sentis, kiom maldece kaj fie lin humiligis tiu bando. Li ne suprenrigardis, fordevigis siajn larmojn, mordpremis la lipojn kaj tiel kunfrapis siajn dentojn, ke ili grincis. En senpova kolerego li pugnigis siajn etajn manojn kaj tiun grandan pedantan profesoron li malamis, profunde kaj envere, kaj por ĉiam. Li volus esti granda kaj forta por bategi tiun malnoblan viraĉon sur la plankon, por siavice povi lin humiligi... Sed li estis nur malgranda knabo, kompatinda eta knabo, kun treege ridinda pantalono sur sia korpo kaj ĉiuj aliaj estis pli grandaj, pli fortaj kaj... pli gravaj ol li...

Subite la bruo finiĝis. Atendante novan turmenton li ekrigardis. Apud li staris la lingvoprofesoro, la homo, kiun li pli ŝatis ol ĉiun ajn el la mondo, ne esceptante eĉ sian patron. La sango ruĝigis sian kapon kaj li devis sian manon forte premi al la brusto, por reteni la korfrapadon. Li sciis, ke se ankaŭ tiu homo ekmokos, li ne plu povos sin regi; tiam li ekkriegos kaj ĵetos sin teren en furioza malĝojo...

Sed tiu profesoro ne mokis. Nigre li rigardis la malproksimiĝantajn mokintojn, kaj malestime liaj okuloj preterglitis la ruĝŝvelintan ridvizaĝon de sia kolego. Poste afable li fiksis la okulojn al la venkita knabeto, metis sian varman manon sur lian kapon kaj lia milda voĉo diris:

»Vi faris belan verkaĵon, Kes, la plej belan el ĉiuj. Tiel bela, ke mi donacos al vi libron. Ĉu vi volas hodiaŭ vespere, post la leciono, veni al mi hejmen por ĝin ricevi?«

Senparole Kes rigardis lin. Rapide li kelkfoje kapjesis; io en la gorĝo malebligis al li ekparoli. Nun li frotis per la pugno la lastajn larmojn el siaj okuloj kaj senvide li kuris tra la lernantoj al la lernoĉambro. La lingvoprofesoro okulis malŝate al la konsternita grupo da lernantoj, kiuj sub lia sinteno baldaŭ honte

## Strigo sur mia libroŝanko

— Ludmilla Jevsejeva —

Tage blinda, nokte verdokula,
Ĝi spionas min de sur la ŝranko.
Ĉu pro simpla ina scivolemo,
Pro intrigo, aŭ pro taktomanko?

Kurba nazo klakas kontrolante,
Kion skribas mia laca plumo:
Ĉu pamfleton, verson, nekrologon,
Ĉe kandela finbrulanta lumo.

Se perfide min forlasas Muzo,
Kaj dormemo ŝminkas pala vangon,
Ĝi ridaĉas, strabe rigardante,
Kaj senhonte montras al mi langon.

Riga, 1938.

---

konsciis pri sia maldeca konduto kaj deturnis siajn okulojn.

»Mi hontas pri vi« li malrapide diris, »ĉu vi volas fariĝi instruistoj?«

La kolego silente foriris. La geknaboj iris al la lernoĉambroj, ne sciante kiel sin teni...

Kiam Kes vespere venis al sia profesoro por forporti la libron, tiu stariĝis malantaŭ sia skribtablo. Li vidis la malgrandan knabon kun lia stranga pantalono kaj ridetis.

Kes ree ruĝiĝis, sed ŝerce la profesoro frapis per la libro sur lian orelon.

»Malsaĝa knabo« li diris serioztone, »ĉu vi hontas pri la maldeca mokado de grupo da nepensantaj geknaboj? Tiu pantalono de vi indas esti honorsaluto al via patro kaj patrino. Ĝi pruvas nur, kiom ili devas oferi, por ke vi povu studi. Vi ne devas tiel rapide embarasiĝi... estu pli saĝa!... Jen estas via libro. Rapidu baldaŭ hejmen kaj diru al via patrino, ke ŝi povas esti vere fiera pri sia klera Kes. Diru, ke tion diris mi... Saluton, pantalonuleto!«

Kaj antaŭ ol Kes lin povis danki, li jam malaperis el la ĉambro, kaj staris sur la strato. Cent funtojn pli malpeza, ol ĉe la forlaso de sia hejmo, Kes revenis. Sed profunde en lia vundita animo tamen restis la doloro pro la humiligo. Kaj la ridinda pantalono jam delonge estis eluzita, antaŭ ol li mem povis ridi pri ĉi tiu ĉagrena historio. Sed senamara tiu rido tamen ankoraŭ ne estis.

*

Estas vera historio, kiun mi rakontis. Nur la finon mi iom pliĝojigis ol ĝi vere estis. Por konsoli min mem, mi kredas. En la Seminario, pri kiu mi parolis, certe estis tia profesoro, tiel saĝa kaj tiel bona, kiel tiu, kiun mi paroligis. Sed, malfeliĉe por Kes, li ne alvenis en tiu fatala momento. Se li estus veninta, li certe estus parolinta kaj aginta tiel, kiel mi lin prezentis. Kaj, se mi ja nun regas la okazintaĵojn, kial mi ne venigus ĝustmomente tiun homon por mildigi la suferon de la malgranda knabo kun la stranga pantalono? Ĉu ni, en la koro, ne estas ĉiuj iomete romantikaj malgrandaj knaboj, kiuj volonte deziras, ke ĉio iĝu bela en la mondo?

El la nederlanda: *H. W. Alings.*

# La Historio de Vivien

*— Annie Vivanti —*

Estis antaŭ kelkaj jaroj kiam mi iris aŭskulti junetan polan violoniston al *Queen's Hall* en Londono.

La knabo aperis pala kaj inspirita; la nigraj haroj, glatkombitaj kiel akvo, falis al li ĉirkaŭ la vizaĝo.

Li levis la violonon. Kaj jen, sub liaj konvulsiaj fingroj forsaltadis la tonoj, klaraj, fluaj, dum la arĉo jen flugis kiel plumo, jen premis sin grave sur la vibrantan kordon de »sol«.

Mi sentis pri la gracia knabo grandan malĝojon kaj kompaton.

Reveninte hejme mi iris sur la pintoj de la piedoj al la lulilo, kie dormis mia malgranda filineto, tute rozkolora, kun blondaj haroj malordigitaj sur la frunto. Kaj mallaŭte mi diris al ŝia dormanta animo: Ho vi, infano feliĉa, kiu kreskas en la delikata ĉirkaŭpreno de patrinaj brakoj, vi ne ekkonos la suferon de genio antaŭtempa, la angoron de antaŭtempa gloro! Ne, vi ne devas esti, vi fariĝos neniam »infano gajnanta«!

Mi rememoras, ke ĝuste en tiu momento la etulino, tordinte la buŝeton en la grimaco karakteriza kaj timata, kiu antaŭas ĉiam ŝiajn plorojn, puŝis singulton. Poste ŝi komencis ploregi malespere. Mi rememoras ankaŭ, ke mi pensis: Kia stranga koincido! Mi diris, ke ŝi ne fariĝos »infano gajnanta« kaj ŝi ploras. Mi iros tuj por diri ĝin al John.

Mi trovis mian edzon en lia studejo, enprofundiĝintan super ia politika artikolo, kiun li skribis por »Times«. Mi rakontis al li la okazintaĵon, sed li ŝajnas ne kompreni.

— Ŝi havos malbonan digeston — li diris.

— Sed kiel? Malbonan digeston? — mi ekkriis indigniĝinta — sed vi ne komprenas, ke estas ŝia animo, kiu al mi respondis?

John klinis sin rapide super sian politikan artikolon.

— Kion vi faras? Kion vi pensas? mi lin demandis.

— Mi pensas — li diris ridetante kaj karesante al mi la vangojn — mi pensas, kiel karaj estas la malgrandaj okuloj!

Mi foriris ofendita.

Vere, la viroj havas nek intuicion, nek fantazion.

*

Pasis jaroj.

Vivien kreskis ĉarma kaj friponeta; kaj mi jam forgesis la misteran anoncon de ŝia venonta sorto, kiam ian tagon venis al ni sinjoro, barbita kaj nigra, kun ujo por violono sub la brako.

Estis italo, kiu volis doni koncerton en Londono kaj venis al ni kun rekomendletero. Li proponis sin por ludi ion al mi kaj mia edzo; kaj subite, rektigita en la mezo de la salono, sen akompano, li komencis la »Ciganinon« de Sarasate.

Li ludis sovaĝe, kun kapo klinita, batante la arĉon sur la kordojn, balancante sin, kun haroj en malordo kaj barbo hirtigita. John observis lin brite mirigita.

La pordo malfermiĝis kaj jen eniris Vivien, blonda kaj mar-verd-okula, kun la pupo sub la brako.

Ŝi restis sur la sojlo kaj staris senmova, rigardante la violoniston. Ĉe la lasta akordo ŝi lasis fali la pupon kaj ekploris. Ŝi ploris longe, laŭte, kun la pugnoj sur la okuloj. Al ni, kiuj demandis, kial ŝi ploras, ŝi respondis konfuzita en singultoj:

— Mi ne scias... mi ne scias... el tiom da kaŭzoj!

La violonisto sentis sin eksterordinare flatita kaj emociita.

— Tiu infano devas havi talenton — li diris. Kial vi ne lasas ŝin studi violonon?

— Vere, mi ne pensis pri tio — mi diris.

— Ĉu ŝi konas la muzikon? Ĉu ŝi konas la notojn? — demandis la majstro.

— Ne — diris mia edzo — ni vivis en la okcidento; la malgranda interkompreniĝis nur kun bovinoj kaj ĉevaloj.

— Kaj kun serpentoj — aldonis Vivien, forviŝante siajn larmojn per la dorso de la mano.

— Do bone, se vi permesos, mi donos al ŝi lecionojn — deklaris la artisto.

Kaj efektive li venis la sekvantan tagon, kunportante — envolvitan en papero, malgrandan violonon.

Ni trovis ĝin tre bela, freŝe lakita kaj de koloro ĉokolada.

La majstro diris, ke estas Guarnerius kaj igis min pagi por ĝi 200 lirojn. Sed tio estas detalo.

Vivien unue ĝin volis uzi ankaŭ kiel monŝparujon, sed mi rakontis al ŝi, ke interne de ĉiuj violonoj vivas feino, »la spirito de la Muziko« kaj la etulino estis per tio ĝoje emociita.

Iun tagon mi trovis ŝin, kiam en la skulptaĵon »S« ŝi verŝis panon kaj lakton, por ke la feino povu sin nutri. Kaj iom pli poste, en akordo kun kuzeto Teddy, ili per martelo rompis je pecoj la kovrilon, por ke la feino povu veni eksteren.

Sed la feino estis forkurinta.

La profesoro alportis novan violonon, kiu tiufoje ne kostis pli ol 12 lirojn. Li diris, ke ne estas Guarnerius, tamen mi trovis, ke ĝi tre similas al la alia.

Vivien volis nenion scii pri la studado, se la feino ne troviĝas en tiu ĉi violono, kaj, por sin certigi, ŝi volis skribi al ŝi leteron, kiun ni enkestigis tiun vesperon en unu el la aperturoj de la violono. La feino dum la nokto ĝin eltiris — ne nur — sed matene anstataŭ ĝi ni trovis — videblan el la skulptaĵo — respondon sur papero ĉiela!

La feino skribis per tono afabla kaj per inko orkolora, rememorigante al la etulino la studadon. Se vi studados multe, iun tagon vi vidos min. Pensu, ke ĉiufoje, kiam vi eklernos unu gamon, kreskos al mi unu plumo en la flugiloj kaj kiam estos kreskintaj ĉiuj, mi povos flugi de tie ĉi kaj ni nin vidos.

Kiam la etulino trovis tiun leteron kaj ĝin legigis per la patro, estis iu, kiu sentis teruran premon de riproĉo, vidante ŝin paliĝi de miro kaj ĝojo.

Kaj tiun tagon Vivien studadis multe.

Vespere mi vidis ŝin klinita, kun orelo sur la violono.

— Ŝajnis al mi, ke mi sentis moviĝi la feinon — ŝi flustris kun okuloj larĝaj kaj timigitaj. Kaj estis ankoraŭ iu, kiu sentis profundan premon de riproĉo.

Sed kiel konfesi la trompon? Kiel diri al ŝi: Neniu estas vera, ne estas tie feinoj. La Spirito de la Muziko ne ekzistas. Ekzistas nur profesoroj de konservatorio kaj metodoj de Kreutzer. Estas nur griza mondo, sen feinoj.

Mi ne havis la kuraĝon. La dio de la patrinoj al mi pardonu.

# Poemoj de Hendrik Adamson

### Kunulo

Tre triste tretas triope
barbulo, razito, junul',
kaj la du aliajn miope
rigardas la barba kunul'.
Li al la razito emfazas:
»Mi scias ja, kamarad',
Sur nura miraĝo sin bazas
Via fama mov-aparat'.«
»Ne diru, ho onklo!« admonas
ĝemante lin la junul',
»lin helpu! se monon vi donas,
mi estos la vojkunul',
ni kune vizitos Marson,
Saturnon vizitos ni!«
»Revuogirlojn kaj farson
mi preferus multe pli!«
»Ho onklo!« ĝeme balbutas
la junulo per lasta fort';
sed la barba kunulo mutas,
sciante, li venkos sen vort'.

### Ludo

Fingroj, batu, batu kordojn
kaj eligu la akordojn
kiel zumon de abeloj
kaj orlumon
arĝentfumon
de fabeloj.

Fingroj, batu, batu kordojn
kaj malfermu al ni pordojn
de la Belo pleje alta,
de sereno
kaj sunpleno
plej ekzalta!

Fingroj, batu, batu kordojn
kaj distaŭzu nordajn ordojn
de silent' kaj morn' obskura:
ravu gluto
el ĝoj-puto
freŝe pura!

### Malnovaĵo

Staras kaj flaras pri pano la mond',
uloj, ulinoj kaj idoj en rond' —
panon priflaras, por pano servas,
amon deklaras, pri amo vervas.
Sed kio estas la amo sen pan'?
Ĉu do ne samo,
kio por la infan'
malplena suĉmamo?

---

De nun la etulino skribis ĉiun vesperon al la feino kaj se tiu ne respondis, estis horoj da ploro.

La korespondado kun la feino daŭris multe kaj multe da tempo. Daŭris jarojn. La famo ĉirkaŭis jam per laŭro kaj radioj ŝian blankan frunton, kiam la malgranda Vivien je mateno de ĉiu koncerto ankoraŭ enkestigis leteron en la violonon:

Kara feino, lasu min ludi bone tiun ĉi vesperon. Multajn kisojn! Vivien.

Kaj la feino respondis:

Kara Vivien, vi ludos bone. Mi zorgos pri tio. Mi ĉirkaŭbrakas vin! Feino.

*

La lecionoj kun la barba virtuozo daŭris ses monatojn. Je la fino de tiu epoko ni estis invititaj de iu onklo de mia edzo por pasigi unu monaton en Parizo. La majstro adiaŭis Vivien kun larmoj en la okuloj.

Vi lernis en ses monatoj pli, ol aliaj en ses jaroj, li diris kaj ne volis esti pagita.

*

Kiam la onklo aŭdis la etulinon ludi, li diris al ŝi:

— Nun eliru kun via vartistino kaj aĉetu al vi ĉion, kion vi deziras. — Kaj kiam ŝi estis for, ĝojege kaj brilanta li turnis sin al mi.

— Estas mirinde — li diris — necesus aŭdigi ŝin al profesoro Ševčik, granda majstro ĉeĥa.

— Dirite, farite. Ni telegrafis al Praha al la fama majstro, petante interkonsenton.

La respondo venis:

»Jaŭde horoj 10 konservatorio. Ševčik.«

Estis marde. Ni tuj ekvojaĝis al Praha. Vivien kaj mi, la vartistino kaj la violono, poste la multaj aĵoj, kiujn Vivien estis aĉetinta por si: granda pupo en kostumo alsaca, ĉina balono, elefanto, kiu movis la kapon (kaj tiel aĉa, ke oni ne povas eĉ diri), blanka muso, malsovaĝigita, fermita en skatolo de kartono.

Ni havis ankoraŭ fromaĝon por la muso (de odoro malagrabla) kaj du kolbasojn, kiujn la etulino volis aĉeti en iu aŭtomato en la stacidomo.

Mi estis tre konfuzita kaj forgesis pagi la veturigiston. Mi rememoris pri tio en la vagonaro. Poste ni perdis la skatolon kun la ĉapeloj. Kaj la muso, la violono kaj la kolbasoj donis al ni aspekton tiel malordigitan, ke ĉiuj estis malĝentilaj kontraŭ ni.

Ni alvenis, kiel Dio volis, al la hotelo Blua Stelo en Praha. Ni estis lacaj kaj malbonhumoraj. Dum mi malsupreniris por demandi kelkajn klarigojn en la hotela oficejo, la vartistino lasis Vivien por kelkaj momentoj sola.

Kiam mi revenis supren, mi estis konsternita, vidante ke en la varman akvon, preparitan por ŝia bano, Vivien trempis la violonon kaj la arĉon kaj ilin lavas kun granda energio kaj multe da sapo.

— Tiel estos ĉio purigita por Ševčik — ŝi diris kun ĉarma rideto.

Ni enlitiĝis lacaj. Sed la tutan nokton tiu terura muso mordetis sian skatolon de kartono kaj malhelpis nian dormon.

Kiam matene Vivien volis provi la violonon — ĝi estis muta! La kovrilo estis tute senkolorigita kaj la arĉo algluis sin al la kordoj.

Vivien ploris kaj ploregis, dirante, ke la feino estas morta. Kaj fine ni forveturis al konservatorio, malfrue kaj profunde korpremitaj.

Ni eniris grandan halon, malplenan kaj sonoran. En ĝia fono estis plialtigita estrado, sur kiu tronis du fortepianoj kaj kelkaj piedestaloj. La ideo, ke Vivien devas tien supreniri, kaŭzis al mi malvarmon.

Unu pordo sin malfermis kaj la fama majstro eniris rapide. Sekvis lin, portante violonujon, junulo kun bukla kaj nigra hararo; li ŝajnis esti italo.

La majstro venis al ni renkonte kaj salutis. Li estis serioza kaj mallonga en parolo kaj inspiris al mi multe da humilo.

Mi klarigis al li, tremante, la historion de la lavita violono kaj li, sen ia rimarko, turnis sin al la junulo, kiu silente staris flanke:

— Marescalchi, donu al mi la Gaglianon.

Tiu ĉi rapidis prezenti al li la ujon kaj la profesoro prenis el ĝi instrumenton gigantan kompare al nia pseŭdo-Guarnerius — kaj donis ĝin al la infano. La malgranda apogis ĝin al la ŝultro, kurigis siajn fingrojn sur la kordoj kaj poste, preninte la arĉon, kiun la profesoro al ŝi etendis, libere kaj senĝene ŝi iris sur la estradon. Ŝi aspektis tre malgranda inter la du grandaj fortepianoj. Kaj ĉiuj piedestaloj estis pli altaj ol ŝi.

— Kiu vin akompanas? — demandis la majstro.

— Neniu, — ŝi diris. Mi ludas sola.

La profesoro ridetis. — Bone — li diris — komencu.

Kaj Vivien komencis.

Ŝi ludis antaŭe ian ekzercon de Ferrara. Poste »Lulkanton« de Grieg, poste »Romancon« de Svandsen.

Ŝevĉik rigardis ŝin kun mieno penetranta.

Kiam la violono ĉesis, li ekflamis: — Kun tiu ĉi infano oni povas komenci de la fino! — kaj turnante sin al la juna italo: — Ĉu? Kion vi diras, Marescalchi?

La junulo alproksimiĝis de la fono de la halo, tre konfuzita. — Estas mirindaĵo, — li diris. Por kompreni ĝin estus necese kredi al la tramigro de la animoj.

Ŝevĉik konsentis. Poste li turnis sin al Vivien kaj prenis el ŝiaj manoj la violonon. Je mia surprizo mi vidis, ke li malstreĉas unu kordon post la alia. Kiam restis nur unu — la kordo »sol« — li ĝin redonis al ŝi, poste li altiris unu piedestalon kaj metis sur ĝi folion de muziko. Kaj li diris al la infano: — Ludu iomete tion ĉi.

Estis la Variacioj de Paganini sur »La preĝo de Moseo« skribita por unu kordo sola.

Kaj Vivien — ludis.

Kiam ŝi finis, ekestis mallonga silento. Ŝevĉik metis la manon sur ŝian kapon kaj diris.

— Bone. Revenu hodiaŭ je la 2-a horo.

*

Je la 2-a ni revenis. Kaj la profesoro Ŝevĉik donis al ŝi la unuan lecionon.

Verdire, la lecionon li donis al Marescalchi, klarigante al li ĉion, pri kio li volis, ke ĝin faru la infano. La infano staris inter ili du, kun la violono ĉe la ŝultro, rigardante jen al unu, jen al la alia kun vivaj inspiritaj okuloj.

Kiam pasis unu horo, Ŝevĉik diris: — Adiaŭ. Post 10 tagoj vi revenos kaj ludos al mi la koncerton de Wieniawsky. Parkere.

— Bone, — diris Vivien.

La profesoro kaj Marescalchi ridetis.

Post tio ĉio, trifoje en monato, Vivien iradis por unu horo al profesoro Ŝevĉik. En la 10 tagoj da paŭzo inter unu leciono kaj la alia, estis Marescalchi, kiu ŝin instruis. Li venadis je ĉiuj horoj. Baldaŭ nia loĝejo en alta Praha, kie ni restadis, resonis de Ĉardaŝ kaj Ciaconne, de Preludoj kaj Fugoj kaj mi lernis distingi Wieniawsky de Vieuxtemps, Bach de Beethoven, Saint-Säens de Ĉajkovskij.

Post 10 monatoj Vivien prezentis sin sur la scenejo de la Rudolfinum antaŭ 3000 aŭskultantoj kaj, akompanata de la orkestro de Filharmonio, ludis la Grandan Koncerton de Max Bruch. La orkestron estris la maljuna komponisto mem, alveninta ĝuste pro tiu okazo el Berlino.

Kaj jen, mi estas patrino de infano gajnanta.

La ĉarma kapeto blonda, kiun mi lulis sur mia brusto, estas ĉirkaŭata de la lumradia aŭreolo de famo. La malgrandaj fingroj, kiujn mi interplektis instruante la unuan preĝon, skribas nun aŭtografojn por miloj da nekonatuloj. La karaj piedetoj, kies paŝoj necertaj kondukis ŝin kurantan al miaj brakoj, supreniros nun, gravaj kaj alkutimigitaj, la Vojon Doloran de la Gloro.

Vere, ŝi scias nenion pri ĉio ĉi. Simple kaj ĝoje ŝi pasas inter la ridetoj, inter la aplaŭdoj, inter la larmoj de delikateco, senkonscia pri la emocioj, kiujn ŝi estigas, ne sciante pri la Famo, kiu ĉirkaŭas per lumo la blondan kapon de ĉefanĝeleto. Sed ŝi scias nenion, nenion el la danĝeroj kaj doloroj de la Arto. En ŝia pura kaj ĝoja vivo infana la violono estis nur unu ĝojo pli.

Kaj estas por mi emocioj, maldormo kaj korbatoj.

Kiam en la halo plena de bruo de la publiko ĉe ŝia apero subite ekestas silento, mi premas konvulsie la manojn kaj ne spiras.

Subite ŝia rideto min serĉas. Poste, levante la violonon, ŝi ludas — por mi!

Kaj la muziko ensorĉita forportas nin ambaŭ malproksimen de la homamaso, malproksimen de la vivo.

Ĝi portas nin en la landon de la feliĉaj, kie la feinoj promenadas en brilaj ĝardenoj, kie la pupoj ne rompiĝas, kie la floroj ne velkas, kie la infanoj restas ĉiam malgrandaj — kaj la patrinoj ploras neniam.

El la itala: *Anna Tarantíková.*

## Plugilo

— Petr Bezruc —

Sunbruna viro havas hardan lukton
sur kampaj bedoj sub alaŭda tril';
li pagas al tero lastjaran frukton,
la mano kuŝas sur la plugil'.

La ŝvito perlas (estas propraj bedoj),
li pensas pri la falĉ-tinta jubil'...
Post la ĉevalo paŝas la piedoj,
la mano kuŝas sur la plugil'.

Longe mi flaras freŝan sulko-ambron,
rigardas lin kun muta humil'...
Sekvi sur kampo ĉevalan amblon,
la manon teni sur la plugil'...

Por tiu ne taŭgas labor' ideala,
kiun brulstampis urba ekzil'.
Ne revu iri post amblo ĉevala,
la manon teni sur la plugil'...

Foje ĉe Opa...: Bordoj plen-poplaj,
kaj longaj kampoj kun griza argil'.
La avo paŝis sur bedoj stoplaj,
la manon tenis sur la plugil'.

Ĉu la sentenco indas je kredo,
ke »vivo revenas post jaroj mil«?
Ĉu mi ĉevalon sekvos sur bedo,
kaj tenos manon sur la plugil'?

El la ĉeha: *D-ro Pumpr.*



# OBSERVO

## AMANTO DE LA GRANDA URSINO.

En la sudorienta Polujo, malproksime de la ĉefurbo, etendiĝas montaro nomata S-ta Kruco. Sur unu el ĝiaj plej altaj pintoj, ĉirkaŭataj de rokoj kaj preskaŭ duonsovaĝaj arbaroj, troviĝas iama monaĥejo. Jam delonge en ĝi forestas la monaĥoj; iliajn lokojn okupis ne homoj foririntaj memvole el la vivo, sed homoj, kiujn la socio eligis por multaj jaroj, jardekoj, eble por ĉiam. Pri multaj krimoj, mortigoj, murdoj, raboj, perfortoj povus rakonti la unuaj loĝantoj de la iama monaĥejo, ĉar en ĝi troviĝas nun la plej peza pola malliberejo, la rusa Siberio, la franca Guana. Minimuma puno rajtiganta »ekloĝi« en tiu malliberejo estas dekjara. Sed la pli granda plimulto konsistas el tiuj, kiuj pro siaj krimoj ricevis punon pli longan, eble eĉ dumvivan kaj tre malofte la dikajn kaj altajn murojn forlasas iu sanstate. Ftizo, grava anemio kaj aliaj malsanoj akompanas la feliĉan foririnton, sed pli ofte kvar freŝaj pinaj tabuloj formas la lastan azilon de antaŭa granda krimulo.

Kaj el tiu ĉi viva tombejo, plej severe gardata dum tago kaj nokto, de supre regata de ses altaj observturoj, sur kies korto promenas dresitaj lupoj kaj super kies fera pordego ŝajnas esti la surskribo »lasu la esperon por ĉiam«, ekaŭdiĝis foje forta frapado en la vivon, ne en la krimplenan, sed en la krean. Ekaŭdiĝis voĉo, postulanta la rajton por ekzisto inter la homoj liberaj.

En la komenco de la pasinta jaro, konata pola verkisto, Melchjor Wankowicz ricevis el la S-ta Kruco-malliberejo dikan kajeron diversloke stampitan kaj kelkloke trastrekitan de mallibereja cenzuristo. Ĝi estis konfeso de krimulo — vera rakonto titolita »Amanto de la Granda Ursino«. Granda talento sin kaŝis post tiu ĉi verko, pri kies aŭtoro la »polica informilo« diris per sekaj, oficaj vortoj:

»Sergeo Piasecki, ortodokskristano, II. stabfako, kokainisto. Specialaj signoj: »Cikatriĝintaj vundoj postpafaj sur la maldekstra ŝultro kaj piedo«.

Kaj el la juĝejaj aktoj oni povis ĉerpi pluajn detalojn pri la aŭtoro:

Naskiĝis en la jaro 1901, kiel filo de poŝtoficisto, vizitis sep klasojn de gimnazio, partoprenis la ribelon kontraŭ bolŝevikoj, vizitis ankaŭ la oficiran lernejon, post la milito troviĝis en granda mizero, ofte malsatis. Post prirabo de kontrabandisto li estis kondamnita je 21 monatoj de malliberejo. Post la forlaso de la malliberejo ree mizero, malsato. Li volis aliĝi al la franca fremdula legio, fariĝi franca esploragento. Sed vane. La vivon li pasigis ĉe la pola soveta limo, en konstanta danĝero. Amatinojn li havis en ambaŭ landoj, kies limon li multfoje trairis. Konis lin malliberejoj de ambaŭ flankoj. Li gvidis homojn tra la limo, prirabis aliajn kontrabandistojn. Poste li restis sola, ĉar la kolegojn oni mortpafis aŭ arestis, kaj lia sola kamarado ofte estis nur ŝargita granda revolvero kaj... »la Granda Ursino sur la vintre malvarma ĉielo«. En septembro de la jaro 1926, milita juĝistaro kondamnis lin je mortpuno, sed lastminute venis du paperaĵoj, atestantaj pri la faritaj servoj por la lando, kaj la juĝistaro opiniis ebla ŝanĝi la mortpunon je 15 jaroj de peza malliberejo. Dum 11 jaroj troviĝante en la malliberejo Piasecki kelkfoje petis pri amnestio, sed ĉiam la juĝistaro opiniis ke li ne indas ĝin. Fine lin ankaŭ la ftizo ne malatentis.

... kaj kvar jarojn antaŭ la plenumiĝo de la verdikto kaj forlaso de la malliberejo, s-ro Melchjor Wankowicz ricevis la strangan manuskripton de la nekonata aŭtoro, kiu skribis en sia akompana letero: ... mi skribas, ĉar mi devas skribi. Tio estas simple mia organa bezono« kaj plue »... mi komencis skribi serioze en marto de la jaro 1934, sed ĉiujn miajn ĝisnunajn laborojn mi traktas nur kiel enkondukon en la literaturan verkadon.« Kompreneble, ke s-ro M. Wankowicz tre ekinteresiĝis pri la nekutima aŭtoro kaj, dank' al la klopodoj de li kaj de aliaj verkistoj, la ŝtatprezidanto donacis al li la restintajn kelkajn jarojn de la malliberejo. Nun Sergeo Piasecki estas libera homo, konata aŭtoro, kies verko rikoltis jam kelkajn eldonojn.

Kaj vere, la verko »Amanto de la Granda Ursino« estas tre talente skribita. La streĉa enhavo alforĝas la atenton de la leganto, antaŭ kiu malfermiĝas nova mondo kvazaŭ en ia sensacia filmo ekzotika. Kaj ĝi montras la polan Eldoradon, polan sovetan limon, kie oni multe kontrabandas diversajn varojn, tute mankantajn en Sovetrusujo: oron, fremdan valuton kaj homojn, kaj nokte, en ĉiu sezono de la jaro, ju pli nigra, malluma, do des pli bona ĝi estas, tra arbaroj, marĉoj, arbustoj mistere glitas kiel fantomoj la homoj ŝarĝitaj per multekostaj objektoj, akompanantaj aliajn homojn, kiuj, pro diversaj kaŭzoj, volas forlasi sian patrujon. La morto atendas multajn. Malbone pripensita paŝo, malatento, kaj jam gardistoj polaj aŭ rusaj pafas sen pardono. Kaj ofte pafas ne nur gardistoj, sed ankaŭ konkurencaj kontrabandistoj. La homa vivo ofte nenion valoras, sed cetere multe malpli, ol kelkaj flavkoloraj moneroj aŭ brilantaj ŝtonetoj. Kaj tamen, en tiu vivo plena de danĝero, saturita de malnoblaj instinktoj kaj pasioj, regas ia speciala kavalireco, kamaradeco. Ne mankas la »humoro de pendumotoj« kaj sentima braveco.

Multajn epizodojn el la aventurema vivo de kontrabandisto rakontas Sergeo Piasecki sur la pli ol 400 paĝoj de sia libro; kaj kvazaŭ belajn kadrojn ne disigeblajn de la tutaĵo, formas la priskriboj de la naturo, montrantaj, ke la aŭtoro ĝin vere amas kaj komprenas kaj super la vivo kaj morto, mizero kaj riĉeco, pasioj kaj deziroj, super ĉio sur la tero, eterne brilas la steloj de »la Granda Ursino«, ofte la solaj akompanintoj ĉu dum la libereco, ĉu dum la sendormaj noktoj en la malliberejo de la nova pola verkisto Sergeo Piasecki.

*(I. Dratwer, Varsovio)*

## BOLESLAV LESMIAN — LA POETO DE L' FORPASINTA ROMANTIKISMO.

En la komenco de novembro de la kuranta jaro mortis en Varsovio konata pola poeto de pli maljuna generacio, Boleslav Leŝmian. Li restis fremda al la novaj tendencoj kaj temoj en la poezio kaj ĉiutaga vivo. Lia verkado estas kvazaŭ ia mistera teksaĵo el sopiro kaj revado, sublimaj aspiroj kaj fantaziaj vizitoj. La ĉefajn motivojn li ĉerpis el la naturo, kiun la poeto tre amis kaj personigis en siaj poemoj. Kvazaŭ forŝirita de la efektivo li prikantis la misterojn de ensorĉita ĝardeno aŭ malnova kverko. Per moligitaj nebulaj koloroj li pentris revojn de siaj sonĝoj en maldormo for de l' tero. Tiu ĉi romantikismo frapas ankaŭ en liaj erotikaĵoj plenaj de ia nekuraĝa adorado kaj preskaŭ religia sindediĉo, ofte ligitaj kun bolantaj sentoj. La forkuro en ian fantazian landon, kiu karakterizas lian originalan kreadon, konserviĝis ankaŭ en liaj tradukaĵoj. Boleslav Leŝmian tradukis poezie orientajn fabelojn kaj la misterajn verkojn de E. A. Poe.

Ankaŭ la lingvo de la poeto estas aparta. Por povi pentri siajn nekutimajn temojn li kreis neologismojn, sed profunde bazitajn je la spirito de la pola lingvo.

La tuta verkaro de Boleslav Leŝmian konsistas el tri volumoj de versaĵoj, skribitaj inter lia jurista agado. Nur lastatempe, post rezigno pri la notaria ofico, estis anoncitaj nova volumo de poeziaĵoj kaj du novaj volumoj de prozaĵoj. Sed plenumi tion ne permesis la subita morto, kiu ĉesigis la 56-jaran vivon de la granda revulo. La koro ne povis eble toleri la ĉiam kreskantan barbarecon en la mondo.

Boleslavo Leŝmian (la vera nomo Lesmian — li estis juddevena) multe impresis preskaŭ la tutan lirikon de l' nuntempo.

*(J. Dratwer, Varsovio.)*

# La granda mensogo

— Julius Bredow —

Direktoro Ernesto Ŝindler kun ekĝemo rigardis la larĝan kalendarfolion sur sia skribotablo.

»La dekunua. Büttner. Hospitalo Sudo. Kirurga fako«, estis sur ĝi legebla.

Lia frunto sulkiĝis. Ke la faleganta feropeco devis trafi ĝuste ĉi tiun plej diligentan kaj kapablan el liaj laboristoj! Rigardo sur la horloĝon. Duono antaŭ la dekunua. Li ekstaris, ĵetis rigardon tra la fenestro; la aŭto estis preta.

Büttner? Büttner, — li subite pensis, — jen ja estis ankoraŭ io alia — ĉu la junulo ne antaŭ kelkaj tagoj antaŭmetis al la invent-fako de la Ŝindler-verkoj la priskribon de nova maŝino? Ŝindler ĝis nun ne interesiĝis pri ĝi, sed inter tiaj cirkonstancoj — eble ĝi tamen ion taŭgas.

Li surprenis la aŭskultilon kaj igis sin ligi kun la unua inĝeniero. »La projekto de Büttner — ne, sinjoro direktoro — nenion valoras, kostus al ni nur monon — mi konsilus malakcepti — entute neuzebla — sed Mehnert ja povas ekzameni ĝin ankoraŭfoje — kompreneble, se vi deziras, sinjoro direktoro.«

Kun ĉagrena rideto Ŝindler surmetis la aŭskultilon: lia unua inĝeniero sendube estis tre taŭga viro, sed iom pedanta kaj ĉiam ĵaluza pri la junuloj. Tio estas ja afero homa.

En la hela, proza koridoro de la kirurga fako de la hospitalo Sudo staris la flegisto.

»Mi bedaŭras, sinjoro direktoro, la sinjoro profesoro ĝuste nun faras sian rondiron.«

Li gvidis la vizitanton en malgrandan loĝĉambron. Jam iu sidis en ĝi. Maljuna viro kun sulka, zorgoplena vizaĝo. Seninterrompe lia dekstra mano viŝis tra sur la pura nigra vestaĵo. Liaj bluaj okuloj maltrankvile rigardis tien kaj reen. Estis la samaj okuloj, kiel tiuj de la juna Büttner.

»La sinjoro volas same fari malsanul-viziton?« demandis la maljunulo, ĝuste kiam Ŝindler volis lin alparoli. La deziro fuĝi el la rondo de siaj turmentantaj pensoj per parolo, trarompiĝis en la maljuna viro.

»Vidu, li estas mia filo — ĵus lin trafis tio, hodiaŭ, frue en mateno. Grandega peco da fero tuŝis lian kapon, dispecigis lian ŝultron, mi ne scias — la kuracistoj ja ne diras ĉion — kaj nun li kuŝas ĉi tie — sed, vidu, li mem kulpas pri tio, li mem sola, ĉiam nur pensi pri la invento — nome li faris tian, tute grandan plibonigon, kaj transdonis ĝin al sinjoro Ŝindler kaj de tiam li pensis ĉiam nur pri tio, kio estos, se la Ŝindler-verkoj ĝin aĉetos — kaj kiel li povos min helpi. Pro tio li nature ne atentis la feropecon kaj, mi kredas, se oni ne akceptos lian inventon, li pereos — sed certe ĝi ion taŭgas, lia invento — kion vi opinias?«

Ŝindler trovis nur doloran rideton.

»Vi ne lasis tempon al mi, prezenti min, sinjoro Büttner. Ankaŭ mi volas al via filo. Mi estas direktoro Ŝindler.«

»Kuracist-vizito finita!« la flegisto vokis en la malgrandan ejon. Nun forgesis la maljuna Büttner eĉ sian grandan mirkonsternon pri ĉi tiu renkonto kaj rapidis en la malsanul-ĉambron. Ŝindler sukcesis paroli kun la kuracisto.

»Ne, sinjoro Ŝindler, mi ne kredas, ke li transvenas. Verŝajne li mortos jam hodiaŭ. Sed se ni ankaŭ transtirus lin, ne estus por li beno. Korpajn laborojn li ne povus plu fari. Sed, kiel dirite, mi preskaŭ ne havas plu esperon.«

Antaŭ la pordo de la malsanul-ĉambro Ŝindler devigis sin al vera gajeco. Poste li eniris.

»Hallo, Büttner!« li diris afable.

La mano, kiun tenis patro Büttner, ektremis.

»Sinjoro direktoro, vi venas — por diri al mi — ke oni mian...« Kaj jen Ŝindler trovis sian grandan minuton. Tute trankvile kaj afereme li respondis:

»Vi povas pensi, Büttner, ke ne nur pro simpla malsanul-vizito mi venas ĉi tien, despli, ĉar ja vi tute ne statas tiel malbone. Ne, temas pri via invento. Ĝi estas la plej bona, kion oni proponis al mi dum la lastaj jaroj. Ankoraŭ en ĉi tiu horo mi aĉetos la projekton. Kaj se vi estos denove sana, vi ne venos en la muntohalon, sed en la oficejon. Kompreneble mi tuj elpagigos al vi ne malgrandan monsumon, por ke vi povu permesi al vi ion kaj ne havu zorgojn...«

Kaj poste li kviete prenis la maldekstran manon de la malsanulo kaj sentis pulsi la varman sangon kaj vidis la ĝojan brilon en la okuloj, kaj li estis fiera, ke li elparolis la plej grandan mensogon de sia vivo. Poste li lasis ilin ambaŭ solaj kaj reveturis en la uzinon.

Antaŭ lia laborĉambro malpacience atendis lin ekscitita juna viro. Estis la juna inĝeniero Mehnert.

»Sinjoro direktoro, mi esploris la projekton de Büttner. Tute granda afero, sinjoro direktoro, kaj nedubebla. Ĝi spitas ĉiujn kontraŭdirojn.«

En la sama vespero la laboristo Hans Büttner estis mortinta. Li mortis tute trankvila, en la firma kredo pri la vereco de la plej granda mensogo de la direktoro Ŝindler, mensogo, kiu tamen estis vero.

El la germana: *F. W. V.*

---

## LA LABORO DE VERKISTO

De *Luigi Pirandello*

La laboro de verkisto estas tiel multspeca, la karakteroj de diversaj verkistoj tiel diferencas inter si, ke maniero kaj metodoj de la literatura kreado de diversaj aŭtoroj havas nur malmulton komunan. Al multaj verkistoj la komenco faras malfacilaĵojn. Tro multaj ideoj ofte samtempe atakas ilin kaj ĉiu verkisto havas sian propran sistemon por ordigi ĉi tiujn ideojn kaj venki la specialajn malfacilaĵojn. Schiller — tiel oni rakontas — bezonis la odoron de putraj pomoj, por esti instigata al kreado. Aliaj, nuntempaj kaj estontaj Schiller-oj, uzas aliajn metodojn, laŭ la personeco kaj la talento de la koncerna verkisto, kiuj estas tre diversaj aŭ eĉ — mankas.

Mi mem ĉe mia kreado ne havas tiajn embarasojn aŭ malfacilaĵojn. Kvankam mi faris al mi regulo, okupi min ĉiam nur per unu sola laboro, tamen tuta vico da temoj kaj ŝtofoj ĉiam trairas mian kapon. Kelkfoje mi portas ŝtofon duonan jaron aŭ pli longe en la kapo. La ŝtofo malrapide formiĝas kaj densiĝas, ĝis mi poste subite kaj fine sentas la urĝecon, sidiĝi kaj komenci surpaperigi la pensaĵon. La surpaperigo de tio, kion mi portis tiom longan tempon kun mi, poste daŭras nur kelkajn semajnojn. Pro tio mi estas rigardata, kiel mult- kaj rapidskribanto.

La ĝojo, kiu antaŭas la finadon de literatura verko,

estas nepriskribebla feliĉsento. Sento, sen kiu la homo, kaj precipe la verkisto, ne povas ekzisti. La esenco de iu artverko konsistas en la altiganta kaj plinobliganta sento, kiun ĝi vekas en la aŭskultanto aŭ rigardanto. Kaj ĉi tiun senton ĝi ne povas veki, se ĝi ne estas kreata kun sindono. Kaj por ke mi restu ĉe mia arto: ni povas paroli nur tiam pri literatura majstroverko aŭ artverko, se la aŭtoro kreis ion grandan, altigitan de homa valoro kaj en bela formo. Sed por ke la aŭtoro sciu, kion li havas por diri, li devas esti kapabla vidi sian tempon, se tiel diri, el distanco kaj el birdaspekto, el alto. Li devas scii, kion la homoj povas ankoraŭ lerni el la belaj pensoj, li devas havi fingropinto-senton, devas okupi sin nur pri indaj aferoj kaj ne devas skribi pri demandoj, kiuj estas de malpli grava signifo, aŭ pri kiuj plej bone estas silenti. Kaj fine li devas tion, kion li sentas, ankaŭ vesti en puran kaj plastike ĉizitan noblan lingvon. Li devas esti vera artisto kaj scii trovi por ĉiu penso, por ĉiu sento, por ĉiu sentimento, la ĝustan esprimon. Antaŭ ĉio, se temas pri la prezentado de sentoj.

La vere sanktan fajron artverko ricevas antaŭ ĉio el la amo de la artisto. Li devas tion, kion li havas por diri, diri el sia tuta koro. Li devas meti sian animon en sian verkon. Nur tiam li povos tuŝi la animon de tiuj, kiujn li celas. La brulanta pasieco de la artisto por sia verko, kiu siaflanke ree devenas el la sento de la artisto, formas la esencon de ĉiu ajn arto. Arteca kreado, kiu postulas de homo tiom da homeco, sed kiu de li postulas ankaŭ, ke li egoiste ne forigu sin de la mondo, sed kunsentu ĝiajn ĝojojn kaj suferojn, povas levi artiston en mirindajn altojn.

La arto igas la vivon vivinda. Ne nur al la kreanta artisto, sed ankaŭ al tiuj, kiuj lian verkon komprenas kaj ĝuas. Ĉar ĉiu arto estas ligita al la vivo. Ĝi ne ekzistas en aermalplena spaco. Ĝi postulas akceptemon kaj komprenon. La unu flanko de la artista kreado estas tiu, kiu reefikas sur la artiston mem. La alia, ne malpli grava, estas la veko de eĥo en la koro de la homoj. Estas la granda sekreto de la artista kreado, plenumi tute tiujn ambaŭ flankojn. *F. W. V.*

## RELIKVIA DOMO DE STRINDBERG

Okaze de la kvaronjarcenta jubileo post la morto de August Strindberg, la Norda Muzeo en Stokholmo malfermis specialan »Strindberg-ĉambron« kun diversaj relikvoj de la sveda literatur-giganto. Emil Schering, la germana tradukisto de Strindberg prave komparas la svedan verkiston kun la plej elstaraj majstroj de la eŭropa literaturo: Dante, Shakespeare kaj Goethe.

Oni ofte demandis: kie troviĝas la t. n. Blua Turo de



A. Slaviček *Aŭtuno*

Strindberg, kiun nomon la poeto donis al sia lasta stokholma loĝejo, kie li verkis plurajn el siaj valoraj verkoj kaj kie lastfoje frapis lia koro. Oni trovis la faman turon: en Stokholmo ĉe angula domo en Drottninggatan 85. La domo pretiĝis en 1907 kaj la sekvintan jaron Strindberg ekloĝis tie. En la supra »turo« li aranĝis sian bibliotekon kaj laborĉambron. En la suba etaĝo li havis kelkajn ĉambrojn, kvankam sen mastrumado — li ja ne estis edzo tiutempe —, sed lia prizorgistino, Mina Boklund, aranĝis ĉion por li. La manĝajon li portigis de pensiejo samdoma.

Dank' al bonvolaj donacoj kaj spertaj fakuloj, nuntempe oni povas vidi ne nur la eksteron de la turo, sed ankaŭ fidelan kopion pri ĝia interno.

Antaŭ ĉio la esenca karaktero de la ĉambro: ĉio originala. La posedanto de la domo (Drottningg. 85) grandanime fordonacis partojn de la konstruajo, i. a. la fenestrojn de la ĉambro, diversajn lignajojn, hejtaparaton, ktp. Oni havas la samajn tapeton kaj linoleumon, kiel en la tempo de Strindberg. Ĉiuj mebloj — skribotablo, seĝoj, librobretaro, sofo ktp. — estas aŭtentikaj.

Enirinte oni tuj frapiĝas pro du laŭrokronegoj sur la muro. Unu el ili oni transdonis al la poeto post unujara ekzistado de l' Intima Teatro, kiun Strindberg mem fondis. La alia estas memorajo pri la granda popola triumfiro por la honoro de la verkisto nelonge antaŭ lia morto. La surskribo de l' rubando: »Al la granda poeto de l' popolo, je la tago de l' popolo.« Cetere mankas ornamajoj sur la muroj, krom relikva kesteto. Se oni pli bone rigardas, oni rimarkas — duone kaŝitan sub la laŭro — portreton pri unu el la filinoj de Strindberg. Oni vane serĉas pentrajojn.

Sur la skribotablo de Strindberg oni ekmiras pri arego da skribiloj.

Kuriozaj kurtenŝirmiloj malhelpas enrigardon de ekstere. De la tegmento pendas malnoveca petrola lampo.

Ĉe la skribotablo: la laborseĝo de Strindberg. Sur tiu li sidadis kaj laboris, eĉ kiam la turmentoj »kiam la tago finiĝis« devigis lin preni ion por mildigi la suferojn.

La pie restarigita Strindberga hejmo vole-nevole rememorigas la vortojn de Henrik Ullman:

»Ĉio kiel iam. — Nur ne Via voĉo
plu aŭdeblas, kie vi plej amis resti...«

La pentrajojn mankantajn en la Strindberga ĉambro, ni retrovas en aparta montrejo. Estas konate, ke li mem sukcese uzis la penikon. Pluraj objektoj atestas pri la granda muzikemo de l' poeto. Dominas laŭre ornamita busto de Strindberg.

Laŭ la afiŝa kolekto oni vidas, ke la Intima Teatro saman sabaton prezentis 4 el liaj verkoj. En la manuskripta kolekto ni trovas i. a. la originalojn al »Fraŭlino Julio« (tradukita ankaŭ Esperanten) kaj Erik XIV. Kaj laŭ la ŝanĝoj kaj strekoj sur la manuskriptoj oni povas vidi, kiel luktadis Strindberg kun problemoj kaj formoj. Kiel brulis lia spirito dum li »eksperimentis per vidpunktoj«. Sendube, Mekko por la admirantoj de Strindberg.

Oni sentas lin tute proksima, speciale pro la detalegaj notoj. Li, kiu ĝis siaj lastaj vivjaroj devis luktadi ankaŭ kontraŭ financaj problemoj, povis en la lasta monato de sia vivo noti:

»Ricevis de la Drama Teatro pro Erik XIV. en du partoj 1,597 kr. Ricevis 50,000 kr. pro kolektitaj skribaĵoj, plus 1597 = 51,597. El tiu ĉi mi fordonacis 40,000 kr., kiujn oni ne bezonas impostigi.«

El la sveda: *Tiberio Moraria.*

## »MI PREMIS LA MANON DE SHAKESPEARE«.

Unu el la eseoj de Leigh Hunt (1784—1859) komenciĝas jene: »Estas strange kaj agrable primediti tion, ke fadeno de persona konateco povas esti sekvata de la aŭtoroj de nia tempo ĝis tiuj de Shakespeare... Ni, kiuj iam premis la manon de ankoraŭ vivanta poeto, eble povas kalkuli serion da kunligantaj manpremoj, ĝis ili alvenas al la efektiva mano, kiu elplumigis la rakontojn pri Hamlet, pri Falstaff, kaj pri Desdemona«.

La redaktoro de »John o'London's Weekly«, skribante en 1924, informis, ke antaŭ ĉirkaŭ 20 jaroj li renkontis, en la malnova domo de Ruskin sur Herne Hill, sinjorinon SEVERN, la firman amikinon de la granda verkisto kaj artkritikanto. Nu, ni atentu bone por sekvi interesan fadenon!

JOHN RUSKIN (1819—1900), kiam li estis knabo, estis kondukita por paroli kun la profundaĝa bankistopoeto SAMUEL ROGERS (1763—1855), en la domon, kiu ankoraŭ frontas sur la Verda Parko, London.

Rogers antaŭe konis SHERIDAN (1751—1816), aŭtoron de The School for Scandal (La lernejo por skandalo), kune kun Moore kaj Byron. Li estis unu el tiuj malmultaj, kiuj fidelamike helpis al Sheridan, kiam ĉi tiu en siaj lastaj jaroj, sidis en tiom da ŝuldo kaj mizero.

Sheridan en sia frua vivo konis Doktoron JOHNSON (1709—1784). Johnson ja proponis, ke Sheridan akceptiĝu kiel membro de la Literary Club.

Johnson havis kiel frutempan kunulon la malfeliĉan poeton RICHARD SAVAGE (mort. 1743). Savage konis Sir RICHARD STEELE (1672—1729), fondinton de The Tatler kaj kunlaboranton kun Addison ĉe The Spectator. Steele konis WILLIAM CONGREVE (1670—1729), kiu siavice estis firme asociita kun DRYDEN (1631—1700). Dryden, kiu, flankadire, iufoje parolis kun Milton, kunlaboris kun Sir WILLIAM D'AVEMANT (1606—1668), kiu intime konis THOMAS HOBBES (1588—1679) la filozofon, kiu siavice estis en sia juneco sekretario de Sir FRANCIS BACON (1561—1626). Sed li ne estis la sola sekretario de Bacon. Ankaŭ BEN JONSON (1572—1637) estis tia. Ĉi tiu »rare Ben Jonson« (bonega B. J.) estis amiko de SHAKESPEARE (1564—1616). Ni ja posedas pri tio ateston de Fuller. En la drinkejo The Mermaid »multaj estis la spritbataloj inter Shakespeare kaj Ben Jonson...« ; kaj ni havas ankaŭ la propran ateston de Jonson en lia poemo »Elegy on Shakespeare«.

Ĉu iu alilanda samideano povus doni similajn ekzemplojn pri siaj naciaj literaturaj figuroj?

Kompilita de *R. Banham*, Melbourne, Aŭstralio.

## HUXLEY: ENDS AND MEANS (CELOJ KAJ RIMEDOJ)

*(J. Paludan)* La nomon de Alous Huxley ĉiam oni salutis respekte en Danlando. Kiel romanverkisto, de la unua komenco li montris majstrecon en la desegno de personoj, kiuj sentiĝis tipaj por la postmilita periodo; ebla manko de spontanea poeta forto kompensiĝas per artista inteligenteco, kaj kvankam lia serĉo de daŭraj valoroj restis senrezulta, ĝi tamen plaĉis per sia honesteco. Tiel do aspektas la beletristika angla romano nuntempa!

Sed kiam li eldonis sian romanon »Belega nova mondo«, sentiĝis ĝermanta maltrankvilo en la rondo de la progres-optimistoj: Imagu! Huxley kapablas koncepti la racisciencan tendencon tiom malafable; tendencon, kiu devus fari nin ĉiujn delikataj perfektaj aŭtomatoj en la formo de la maŝino! La libro sentiĝis kiel klara »adiaŭ, H. G. Wells« — adiaŭo al la gvidanta scienca romantikisto de Anglujo antaŭ la mondmilito.

Per »Ni, blindigitaj servutuloj« la (dana) legantaro de Huxley subite plimultiĝis, dum samtempe ĝi malplimultiĝis supre en tiuj tavoloj, en kiuj la pure materialisma vivkoncepto eĉ nun estas la lasta vorto. Lia konsekvenca pacifismo ankoraŭ estus komprenebla, sed kiel mistikisto li ne plu povis resti en tiu socio. Tiu limo restis

limo. Cetere, oni kuraĝis meti la hipotezon, ke Huxley nur sin amuzis kovrante sin per nerekonebla duonreligia vesto; en sia venonta libro li certe ĝin forjetos kun demona rido, kaj li povos regajni sian honorepiteton: »senfrukta kaj seniluziigita«. — Sed la sekvanta skribaĵo estis pacifisma traktato kaj la sekvanta, kiel antaŭvideble, estis tre konciza modelado de lia nuna vivkoncepto, en kiu ni renkontas kaj la kernon de tiu traktato kaj la religiajn ideojn. La libro nomiĝas: Ends and Means (Chatto and Windus London 1937.)

Huxley, kiu, laŭ la subtitolo de la libro, deziras penetri en la karakteron de la idealoj kaj en la metodojn, per kiuj ili povos efektiviĝi, insistas, ke de 30 jarcentoj da civilizo fakte ĉiam estis unuanimeco pri la celoj indaj je la homaro. La profetoj parolas kvazaŭ per unu voĉo escepte tamen de individuoj kiaj Nietzsche kaj Marquis de Sade, ekstravaganculoj de la filozofia tradicio konforme al la pozicio de Macchiavelli kaj al la teoriistoj de la diktatursistemoj en la politika tradicio. La celo estas libero, paco, justo kaj fratamo, kaj tial tiu estas la ideala homo. kiu povas alkonduki tiajn statojn. Subpremitaj popoloj laŭdegas nun reciproke siajn regsistemojn; sed liberaj viroj, ĉiam kaj ĉie, per siaj filozofoj kaj religiofondintoj verdiktis jene: la ideala homo estas absoluta estro super la instinktoj de sia korpo, libera de emo al potenco kaj posedo, de malamo aŭ kolero (ankaŭ de la tiel nomata »justa indigno«), de riĉo, de fameco kaj socia pozicio. Perfekte libera — tiel ĉiam oni instruis; kaj tiu ne-ligiteco estas negativa nur laŭ la nomo; sed ĝuste ĝi donas liberon por efektivigi ĉiujn virtojn, la kuraĝon, la kompaton, la scion; ĝi kreas la sentiman pozitivan, homan; la »neligito« forigas siajn proprajn suferojn kaj tiujn, kiujn li kaŭzas al la alia.

Se oni konsentas pri ĉio ĉi, oni komprenos, ke la ordinare rekomendataj metodoj por la plibonigo de la mondo, ekonomiaj, politikaj aŭ eĉ psikoanalitikaj, ne sufiĉas. Ili ne nuligas la ligitecon, la dependecon je malnoblaj deziroj. Antaŭe la potenc-avido manifestis sin per la glavo kaj la nobeliĝo, poste per la mono. Se la posedrajto eĉ nuliĝos kiel en Sovetujo, la potenc-avido floros same; se oni ne aspiros riĉon, oni aspiros strategian pozicion en la sistemo. Sed oni diras: »la homnaturo estas neŝanĝebla«. Ĉi tiun postulaton tamen Huxlay ne akceptas: kaj li pruvas per historiaj ekzemploj, ke ĝi estas parte falsa. Grandaj ŝanĝoj en ekonomia kaj politika strukturoj de la socio aliigas la homojn, sed ne funde. La malbono serĉas aliajn kanalojn, ĝi estas atakebla nur ĉe la radiko, en la individua volo.

Sed revolucioj, kiuj ne kunportas progreson, estas fiaskoj, kaj la vera progreso sole konsistas en kompato. Ĉiam oni tamen kredas, ke troviĝas pli mallonga vojo al la utopio, ke perforto povas ne naski perforton. Defendante la komunistajn metodojn, profesoro skribis jenajn neprudentajn vortojn: »Sen la fera diktaturo de la jakobenoj, la respubliko estus perdiĝinta«. Nu, kio okazis, estis ĝuste jeno: Dank' al la fera diktaturo de la jakobenoj la respubliko perdiĝis. La kruelo sekvigis militegon, kiu okazigis la Napoleonajn militojn, kaj la militoj, siavice plifortigitan nacionalismon kaj tiujn ideologiojn, kiuj nun minacas nian civilizacion; kaj ju pli longe regas perforto, des pli malfacile estos por la neperforto ripari la difektojn. Jen la ĉefa penso, kiu pasas tra la tuta libro: La rimedoj, per kiuj ni volas ion atingi, estas almenaŭ same gravaj kiel la celo mem, ĉar ili influas neevitebla la rezultojn.

Huxley, same kiel aliaj prudentaj homoj, ne dubas, ke nia sociordo estas malbona. Preskaŭ ĉiuj civilizitaj ŝtatoj konsistas el malmultaj potenculoj, kiuj pereas pro tro da povo, kaj el la amasoj, kiuj pereas pro pasiva senresponda obeaĉo. Inter tiaj cirkonstancoj por ambaŭ partoj estas neeble iĝi sendependaj. Laŭ Karl Marx la ŝtato estas parazito de la socio, kiu post la revolucio aŭtomate forvelkus. Ni travivos ion tute malan. La centralizo kontraŭe kreskas, ĉar ĝi estas necesa, kiam la socioj sin preparas por milito pli kaj pli sin armante: la diktaturaj ŝtatoj spontane, la demokratioj devige. Sed la militpreparoj sufokas ĉiun demokration. La potenckoncentrigo postulas, ke la burĝoj estu disponeblaj kaj obeu militiste. Ĉi tiu malfeliĉaĵo, la centralizo, ŝajnas al multaj sana fenomeno, ĉar nenio ja havas tian sukceson kiel la sukceso. La diktaturŝtatoj asertas, ke ili plenumas historian mision, kiu nome estas: krei potencon por subpremi pli malfortajn popolojn per gaso kaj maŝinpafiloj — mallonge: se nur io okazas, tio jam estas historia, kaj sekve ĝusta kaj justa, — kiel oni kredas.

Post tio Huxley klarigas, ke se la militon aprobas tiel multaj, kaj iuj ĝin fakte sopiras, ties kaŭzo, inter aliaj, estas la enuego de la paco: la ĉiutaga laboro estas por multaj netolerebla triviala turmento, prefere estu granda eksplodo! Li citas ĉi-rilate la verkon de la franca ekonomisto Dubreil, kiu en la industrio faris eksperimenton, formante sendependajn kunlaborantajn, translokeblajn funkciulgrupojn po 30 membroj. Per tio li volis atingi liberigon el la despotemo de la gvidulo kaj pligrandan personan intereson kaj varion kaj evidentiĝis, ke tia aranĝo ne necese malutilas la laborefikecon. Same estas atentinde, ke la facileco de la elektra transporto kaj la moderna trafiko ebligos, ke la vigla junularo estontece restu en malgrandaj urboj, kaj faru sian laboron tie, kie cirkonstancoj estas pli homaj ol en la urbego, kie la homoj estas nuraj atomoj. Sed ĉiuj vojoj al plibona socio estas provizore blokitaj per la milito aŭ militminacoj. Huxley ripetas ĉi tie la bonegajn argumentojn, per kiuj en la libreto: »Kion vi intencas fari por tio?« li refutis la tradician opinion pri la neeviteblo de la milito. Interesa estas la evidentigo, ke dum milito konsiderinde maloftiĝas la memmortig-procento inter la nebatalantoj. Tio povas havi multajn kaŭzojn, sed plej grava estas verŝajne tiu, ke ĉiu nun sentas, ke lia vivo havas valoron kaj celon, eĉ la plej vulgara laboro altiĝas al rango kaj digno. Tiu pactempa manko de pli profunda senco de la ekzistado, kiu turmentas tiel multajn en la okcidenta civilizo, naskiĝis rec el la mehanomorfa (kiel diris Gerald Herd) mondkoncepto de la moderna scienco: la universo estas maŝino, kiu sen senco muelas antaŭen al la senmoveco kaj la morto; la homoj estas malgrandaj eroj survoje al sia individua morto; la fizika vivo estas la sola io; la animo estas cerboprodukto; sukceso kaj komforto estas la veraj valormezuriloj, la solaj, por kio oni devas vivi. La renkontiĝo kun ĉi tiu vivkompreno estas la kaŭzo, ke certaj polinezaj gentoj stagnas kaj iom post iom malaperas. La eŭropanoj estas de pli persista materio, kaj krome ili havis proksimume 300 jarojn da laŭgrada alkutimiĝo. Tamen ili ne sukcesis, kaj tial oni ĝoje bonvenigis la komunistajn kaj nacisocialistajn ideologiojn, kiuj proponos sencon, se ne de la universo, almenaŭ de la ekzisto, se nur oni uniformite kaj kriegante aliĝas al iliaj vicoj.

La antipatio de Huxley kontraŭ ĉiuj diktaturoj estas tiom flamanta, kvazaŭ ili estus naskitaj hieraŭ. Liaj motivoj ne diferencas de tiuj, kiujn ni jam konas el multaj diskutoj. Same, rilate al la Ligo de la Nacioj: militpretaj ŝtatoj ne povas antaŭenpuŝi la aferon de la paco, kaj la sankcia politiko ne estas pli bona, ĉar, inter aliaj ĝi tre facile povas fariĝi meĉo por novaj militoj. Nur ne-perforto kaj obeorifuzo povos gvidi al nemilito, al la paco, kiun, kiel diris Tomas Kempis: »ĉiuj deziras, dum tre malmultaj atentas pri la aĵoj, kiuj ĝin alportos«.

Al Huxley estas evidente, ke la ŝtatoj, kiuj deviĝas unu la alian al maksimuma militpreparo, ne kapablos per si mem alkonduki ŝanĝon al pli bona aranĝo. Estas, kiel ĉiam ĉe individuo, ke la novaĵo devas naskiĝi; kaj la ideo de la pacifismo kaj ne-perforto jam estas en la mondo. La unuopuloj, kiuj ĝin antaŭportos, unue devas liberigi sin mem de la nomita »ligiteco«, kaj poste ili devas kuniĝi en grupojn de konvena grandeco. Estas klarigite per ekzemploj de monakejoj kaj religiaj unuiĝoj, kiel devos vivi ĉi tiuj portistoj de la pura ideo, dum ili kreos la unuajn miniaturmodelojn de la venonta plejbona socio: ne en mankhavado, ĉar asketaj cirkonstancoj

povus kaŭzi revenon al la ligiteco — sed en komuna ekonomio, kun kiel eble plej malgranda persona posedaĵo. Bonaj rezultoj de ne-perforto, pri kiuj oni povus atentigi la dubantojn, estas ekzemple atingitaj ĉe spiritmalsanuloj kaj pundomanoj kaj necivilizitaj gentoj. Ankaŭ la bojkoto estas metodo, kiun oni aplikis grandsukcese. Disvastigi la instruon de la historio estas la tasko de ĉi tiuj grupoj, kaj la instruo de la historio estas: ke el perforto ĝermas nenio bona. Alia afero estas, ke la mondon oni devas resanigi el de la demonoj de potenc- kaj mon-avido, montrante personan ekzemplon. Sed ĉi tiuj homoj, kiujn li nomas raciaj idealistoj, ne devos vivi profete, nesciante pri la ajoj de la ĉiutaga vivo. »Ĝis nun ege malmultaj sanktuloj estis scienculoj kaj organizistoj, kaj kontraŭe tre malmultaj scienculoj kaj organizistoj estis sanktuloj«. Se la mondo devas saviĝi, praktikaj metodoj devos iri mano en mano kun sindono por la celo.

Plej granda tamen estas la pedagogia tasko. Huxley ne kredas, ke senbrida libero estas oportuna por infanoj; nek, ke ili mem deziras ĝin kiel oni laŭmode pretendas; sed li teruriĝas, vidante, kiel la ideala edukmetodo de Montessori perfidiĝas; unue komprenelbe en la diktaturaj landoj, kie oni deziras soldatojn, sed ankaŭ en la demokratio, kie oni devas sin prepari por defendi la demokratecon. La tasko estas duoble malfacila, ĉar ni havas la mirindajn disvastigilojn: filmon kaj radion, kiuj ĉefe uziĝas krime aŭ idiote aŭ ambaŭmaniere. Kune kun la gazetaro ili evidente montras la ĝisnunajn moralajn kaj intelektajn fruktojn de nia eduksistemo. Oni devas sufiĉe frue instrui al la infanoj senvestigi la vortojn el la trompaj ideasocioj, per kiuj ili estas infektitaj, kaj la ekzercado konvene povus komenciĝi per ia kontraŭveneno kontraŭ la moderna anoncado. Huxley diras: Ĉokoladon oni povas paki en paperon kun bildoj de skorpioj, kaj ricinoleon en paperon kun Sealyhan-terrier aŭ Shirley Temple«. Ĉi tio, la sola rideto de la libro, devus efiki skeptikismon kontraŭ la ŝtelirantaj sugestioj de la moderna vivo. Plue oni legas: Eŭropaj kaj amerikaj infanoj edukiĝas, en la admiro de la socia ambiciulo kaj en aklamo pri lia sukceso, al envio kaj admiro de la riĉuloj. Nenia plibonigo povas okazi, antaŭ ol estas klarigite, ke la ambicia potenc-aspiranto estas same abomena kiel la diboĉulo kaj avarulo.

Se Huxley kredas, ke oni perforte povas eniri la fermitan cirklon de la ĉeno de l'kaŭzo kaj efekto, same ĉe si mem kiel en la ekstera mondo, tio komprenelble signifas, ke li trovas la liberan volon iom arbitra. Tiu volo povas fortiĝi konscie kaj en certa dezirata direkto per medito, kiu estas »sinturno de la intelekto al la volo«.

Jen la metafizika Huxley. La vorto malplaĉas al multaj, sed senkaŭze; ĉio, kio ni estas, estas kvazaŭ rezulto de nia pensado. La homoj vivas tiel, kiel ilia vivfilozofio, ilia mondkoncepto preskribas al ili. Tio koncernas eĉ la malplej pripensantan individuon. Estas neeble vivi sen metafiziko. Ni ne havas elekton inter ia metafiziko aŭ nenia, la elekto estas inter metafiziko bona aŭ malbona, inter tia, kiu estas en la plej ekzakta akordo kun la realaĵoj, kiujn ni observis, kaj tia, pri kiu tio ne validas.

En eminente klara kaj densa formo Huxley nun fiksas ĉi tiun rezulton kaj per ĝi la unuan staton de la naturscienco, laŭ linioj, kiuj sekvas precize tiujn de Gerald Heards kaj kuŝas tre proksime al tiuj de prof. Eddington. La sensenca mondbildo estiĝis per arbitra ekskludo de ĉio, kio ne permesas matematikan priskribon, »sed, malfeliĉe, nova kompreno estos akceptebla por malpli inteligentaj kuncivitanoj nur post konsiderinda tempo«. Tiu profundsence senmorala kaj sensenca mondkoncepto ne plu estas nediskutebla afero: »Kiuj eltrovas la sensencecon de la mondo, tiuj, ĝenerale faras tion nur, ĉar iakaŭze ili deziras, ke la mondo estu sensenca«. Tiujn ĉi samajn problemojn Huxley mem antaŭ malmultaj jaroj ankoraŭ ne povis eĉ voli pripensi. »Mi mem kaj la plej multaj de miaj samaĝuloj apriorie opiniis, ke nenia senco ekzistas. La kaŭzo de tio estis, parte ke ankaŭ mi rigardis la sciencan, fragmentan mondbildon vera spegulbildo de la tutaĵo, kaj parte aliaj ne intelektaj influoj. Mi havis motivojn deziri, ke nenia senco ekzistu kaj tiuj motivoj estis la deziro de filozofa sankcio pri la liberigo je certaj ekzistantaj politikaj, ekonomiaj kaj seksmoralaj kondiĉoj, kiujn li persone ne ŝatis.

Ne malpli lerte li pasas tra la religiohistorio kaj akre distingas inter la kredo je persona homo-simila Dio, kaj la kredo pri supernatura nepersona realo nomata dio. La unua de tiuj kredoj kulpas pli multe da eraroj kaj pli multe da netoleremo ol la lasta, kiu estas tiu de la mistikuloj. La meditado ebligas renkonti tiun ĉi superestanton rekte. Al la multaj, kiuj neas tiun travivaĵon, Huxley diras: Hindo, kiu aŭdas eŭropan simfoniorkestron, perceptas nur ĥaoson de sonoj; sed li povas, se li volas kaj prenas sufiĉe da tempo, lerni kompreni la muzikon kaj kontaktiĝi kun ĝi. La religian mistikan travivaĵon ne povas travivi »ligito«, ĉenita al deziroj kaj klopodoj. Ankaŭ tio havas specialajn, severajn antaŭkondiĉojn.

Eĉ opiniante, ke Huxley postulas de la homoj la samon, kiun postulis ĉiam la religioj tiel malgrandsukcese — kaj ja ĝuste pro tio la situacio estas tia, kia ĝi estas — kaj do timante, ke ankaŭ li ne havos sukceson, oni devas tamen precizigi, ke »Ends and means« forte impresas. Ĉi tie estas verkisto kiu kaj plenumas personan pensadon kaj estras vastan persone akiritan erudicion. Lia horizonto ne finiĝas ĉe la spirita pup-meblaro de nia jaz-epoko, kaj li profitas el la ekzakta kontakto de granda kulturrondo, kun ĉio, kio dum la lastaj jaroj estis skribita, pensita kaj eltrovita. Li ne rezignis la esperon kaj ne kontentiĝis per katastrofo-teorio. Lia sento pri tio, kion ni en ĉi tiuj temoj ĉiutage perdas, estas tiu de la ardega amiko de la kulturo kaj de l'homaro, dum tiom aliaj eklernis suprentiri la ŝultrojn.

*A. T.*

*P. S.* La libro, kies pensoj humanaj kaj liberalaj en la plej bona senco de la vorto en tiom da rilatoj akordas kun Zamenhof, certe indas tradukon al Esperanto. Kiu faros la taskon? *(Trad.)*

## ĈU OBJEKTIVA MORALA NORMO ESTAS STARIGEBLA?

Interesan konkurson aranĝis la sveda eldonejo »Natur och Kultur« kunlabore kun du aliaj skandinavaj eldonejoj pri la plej bona libro pri la temo: »Ĉu objektiva morala normo estas starigebla en la nuna epoko? Se jes, sur kio oni povas bazi ĝin?«

La konkurso, anoncita en la komenco de 1936, vekis vastan atenton, kaj multaj centoj da manuskriptoj alvenis. La unua premio de 2.000 svedaj kronoj estas donita al amerikano, profesoro Henry Lanz ĉe la universitato de Stanford por la verko »La problemo de etika objektiveco«. Dana instruisto, K. Grue-Sörensen, ricevis la duan premion de 1.000 kr. por sia libro »La moralnihilismo de nia tempo«. Tiu libro estas lia unua granda verko, liaj ĝisnunaj publikaĵoj estis nur nombro da artikoloj en revuoj kaj gazetoj. La tria premio estas donita al sveda profesoro de literaturo ĉe la universitato en Lund, Olle Holmberg, por lia verko »La fremda pasaĝero. Rezonado pri la moralo«.

La estro de la eldonejo Natur och Kultur diras en intervjuo: »Mi forte sentas, ke niaj nunaj malfacilaĵoj estas de morala naturo. Morala progreso ne iras sampaŝe kun la teknika evoluo de la civilizo. La unua palpiras, kaosa kaj nihilisma, kaj en socia, nacia kaj internacia vivo regas plena konfuzo rilate al justeco kaj maljusteco. Kondiĉo por fiksa morala stato estas memkompreneble agnosko de objektiva normo, aplikebla ĉiam kaj ĉie. Ĉu tia normo ekzistas, kaj kio estas ĝia bazo? Tio estas la demando, kiujn mi kaj du aliaj nordlandaj eldonistoj direktis al filozofoj.«

*(Sveda-internacia Gazetservo).*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Werner Rentmeister, **Wien,** III. Kölblgasse 10.

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.

Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Spikturn Internacia Instituto, **Sofio,** str. Alabin 50

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** XIX. 447, Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 1237.

**DANUJO:** Centra Dana Esperantista Ligo, **Slagelse,** Rosengade 5

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—2a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11. La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz 19. Poŝtĉekkonto nro 7

**NEDERLANDO:** Nederlanda Esperanto Centro. **Rotterdam** W. Schiedamscheweg 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro Gustav Johannessen, **Hamar,** Skappelsgt. 3.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Gelu 9.

**SVEDUJO:** Sveda Esperanto Oficejo, **Stockholm,** Bárnhusgatan 8.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo-Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Instituto Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos — Pestvidéki Nyomda Vácon — A nyomdáért Bénik Gyula felelős